Va JARO — No 54 | 6 PAĜOJ : 6 Spesdekoj (15 Centimoj) | 5 MAJO 1909

DIREKTORO.
Hector HODLER

ABONO
Jara Abono : 1,60 $ (4 frankoj)
La abonoj komenciĝas de la 1e de ĉiu monato. Oni akceptas nur unujarajn abonojn. Oni abonas ĉe la Administrejo, Esperanto-Oficejoj kaj lokaj Agentoj.

Redaktejo & Administrejo :
8, rue Bovy-Lysberg, 8
GENÈVE (Svisujo)

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO
DE
UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO
Duonmonata Internacia Gazeto

DIREKTORO :
Hector HODLER

REKLAMO
| | | |
|---|---|---|
| 1 paĝo. . . . | 160 $ | (400 fr.) |
| 1 kolono. . . | 32 » | ( 80 fr.) |
| 1/2 » . . . | 16 » | ( 40 fr.) |
| 1/4 » . . | 8 » | ( 20 fr.) |
| 1/8 » . . . | 4 » | ( 10 fr.) |
| 1/16 » . . | 2 » | ( 5 fr,) |

25 % por 12 anoncoj ; 50 % por 24 anoncoj
Ĝeneralaj Agentoj : Presejo Devichi, *Chalon-s-Saône* (Francujo) ; G. Warnier, 15, rue Montmartre, *Paris* ; C.-A.-G. Browne, 51, Wych Str., *London* ; W. C. ; Kœtz, Rathausstr., *Leipzig*.

## NIAJ FESTOJ

Jen estas la momento, kiam ĉe la plej diversaj partoj de l'mondo festas la Esperantistoj. Naciaj kongresoj, regionaj kunvenoj, grupaj festoj kunigas samideanojn en tiel simplaj kiel frataj manifestadoj por Esperanto. Oni iom laboras, iom diskutas ; oni precipe amuzas, kantas, manifestas, ĝojas, festas. En ili regas ne nur la lingvo Esperanto kaj la kunvenantojn proksimigas unu al la alia ne nur la sonoj de sama lingvo, sed regas ankaŭ la spirito de Esperantismo : ĉiuj homoj de kiu ajn loko, de kiu ajn kondiĉo pace interkomunikiĝas sur neŭtrala kampo kaj dum kelka tempo pensas nur pri tio, kio unuigas kaj kunigas.

Ĉu utilas niaj festoj kaj por kio ili utilas ? Tiuj homoj, kiuj konsideras Esperanton simple kiel lingvan signaron aŭ kiel pure sciencan problemon, juĝas ilin tute superfluaj ; tiaj manifestadoj, laŭ ili, nur fortenas la seriozajn rondojn el Esperanto ; niaj kantoj, nia flago, ĉio kio estos propre nur esperantista, estas, el ilia vidpunkto, sensencajoj kaj infanajoj. Tiuj homoj sin konsideras seriozaj. Eble seriozaj ili estas sed ne komprenemaj. Ili per tio montras, ke ili nenion ĝuste scias pri Esperantismo, neniel konscias pri la necesegeco de entuziasmo en la vivo de ia ajn homara movado.

Ĉu do niaj festoj plenumas utilan rolon? Sendube oni laboras en ili kaj priparolas praktikajn demandojn de agado, sed ankaŭ dum la tuta jaro oni laboras kaj el simpla labora parto ne konsistas la ĉefa signifo de niaj festoj. En ili ekzerciĝas nia lingvo ; ĝi tiam estas vere vivanta kaj memstara. Certe granda estas la signifo de niaj festoj en tiu rilato kaj al ili nia lingvo ŝuldas, ke ĝi havas nun parolan tradicion, grava kondiĉo de vivo. Sed, el pli ĝenerala vidpunkto, niaj festoj estas ne nur okazo por laboro, inter parolado kaj ĝojo ; ili estas antaŭ ĉio manifestadoj de la entuziasma kaj sentimentala flanko de nia afero. Sen tiu partopreno de entuziasmo, nenia homara movado povis iam sukcesi, ĉar al ĝi mankis ĉefa movilo. La venko de ia movado dependas de ia agado de pluraj fortoj ; entuziasmo estas unu el ili ; ĝi estas potenca forto de unueco, de kreado kaj solidarigo. Sen ĝi Esperanto neniam estus trapasinta la malĝojajn tagojn de l'komenco, sen tiu sento de solidareco ĝi neniam estus evitinta danĝerajn rifojn, sen ĝi ankaŭ ni neniam alvenos al la fino de nia tasko. Meze de niaj festoj, en iliaj diversaj elmontriĝoj, grupigitaj sub nia flago, kantantaj nian himnon, ni konscias, ke Esperantismo estas unu, ke inter la Esperantistoj estas komuna ne nur la lingvo, sed multaj aliaj ligiloj kiujn kreis la lingvo. Ĉi tiun komunan senton de samideaneco ne ĉiu homo povas kompreni en sia kabineto, sed ĉe niaj festoj ĉiu, de kie ajn li venas, konscias pri ĝia ekzisto, kaj same kiel en la kongresoj ĝi aperas en la pli modestaj festoj, kiuj estas kvazaŭ ĝia antaŭparolo.

Ni de zorge konservu al niaj festoj tian spontanan, entuziasman, ĉarman karakteron, kian ili ĝis nun havis ; ni respektu en ili rebrilon de tiu forto, kiu unuigas kaj fratigas ; ni penu, ke ili estu ĉiam sin plaj, koraj, sen tiu oficialeco kaj ekstera trudo, kiuj detruus ilian agrableon. Aliparte, ĉar unu el iliaj celoj estas fari publikan manifestadon por Esperanto kaj plimultigi la ligilojn inter samideanoj, estus dezirinde, ke tiaj festoj okazu je la sama epoko. Granda estus la impreso, kiu rezultus el la vidaĵo de tiu vere tutmonda, neŭtrala, samtempe okazanta festaro, en la honoro de Esperantismo, de festo, en kiu partoprenos ne homoj de tia aŭ alia nacio, partio aŭ opinio, sed simple homoj unuigitaj sur la neŭtrala kampo de Esperantismo. Mi estas konvinkita, ke kiam ĉiu konscios pri la esencaj principoj de nia movado, kiam tiuj principoj estos klare formulitaj kaj iliaj konsekvencoj eksentitaj, tiu tutmonda festo sin trudos kaj efektiviĝos.

H. H.

## SOCIA VIVO

### JURO

#### Fumado ĉe Infanoj.

Jam de kelkaj jaroj, la britaj leĝistoj sin okupis pri redaktado de novaj leĝoj por protekti la infanojn kontraŭ la alpreno de malbonaj kutimoj. Kaj jam de unu jaro, estas malpermesita al posedantoj de drinkejoj aŭ trinkaĵvendejoj liveri bieron, vinon aŭ ian ajn alkoholaĵon, ne enboteligitajn kaj sigelitajn, al infanoj kiuj ŝajnas esti malpli ol dekkvar jaraj. Grandaj monpunoj estis ricevitaj de personoj kontraŭstarantaj tiun leĝon.

Nun, de la 1a de Aprilo simila leĝo estas aplikata rilate la vendadon de tabakaĵoj al personoj cititaj kaj jen la teksto de la leĝo sendita al ĉiuj estroj de tabakvendejoj : In persono kiu vendos al infanoj malpli ol 15 jaraj, cigaredojn aŭ cigaredpaperon, ĉu por lia privata uzado aŭ ne, estos kondamnata je monpuno da 20 Sm. la unuan fojon, 50 Sm., la duan koj 100 Sm. la trian fojon.

Ĉiu policano aŭ gardisto de publika loko havos la devon forpreni cigaredojn aŭ cigaredpaperojn de iu ajn persono ŝajnanta malpli ol 16 jara kaj fumanta sur la strato aŭ en publikaj ĝardenoj. La tiamaniere kaptitaj cigaredoj kaj aliaj fumiloj estos al la dispono de la policestroj aŭ parkestroj, kiuj ilin uzos laŭvole. Ĉiu policano aŭ ĝardengardisto havas la rajton serĉi knabojn fumantajn, sed ne knabinojn. Se, en lokoj kie estas aŭtomataj maŝinoj por vendado de cigaredoj, tiuj maŝinoj estas uzataj nur de junuloj de dirita aĝo, la juĝistaro de la loko povos ordoni al la posedanto de la maŝino aŭ al la estro de la maŝintenejo, ke ili atentu pri la ne uzado de tiuj automatiloj per infanoj kaj eĉ, se tio estas necesa, ellokigi la maŝinon kiel eble plej baldaŭ. Se, iu persono, kontraŭ kiu tia ordono estas decidita, ne forprenas la maŝinon dum la tempo por tiu akordita, li aŭ ŝi povos esti kondamnata je monpuno ne pli grava ol 50 Sm. kaj 10 Sm. plie por ĉiu tago, dum kiu la maŝino restos en la loko malpermesata.

P. B.

### KOMERCO & INDUSTRIO

#### Pri malkarigo de l'Universala poŝttarifo.

De jaroj forta movado en kaj eksterlanda celadas la plibonigon de l'internaciaj rilatoj. Ĝi ne nur intencas ebenigi la vojon por komerco kaj industrio, sed ankaŭ plifortigi inter ĉiuj kulturnacioj la senton de solidareco kaj sekve de tio la pacon. El ĉiuj rimedoj, precipe taŭgaj por atingi tiun celon, sendube la malkarigo de l'universala poŝttarifo estas la ĉefa. Konsciante tion jam kelke da ŝtatoj realigis en-internaciaj poŝtrilatoj diversajn malplikarigojn : Ekzemple la ŝtatoj kolonihavaj, inter ili ankaŭ Germanujo, enkondukis por la interrilatoj kun siaj kolonioj la enlandan letertarifon. Plue Anglujo, Francujo kaj Germanujo rilate al siaj poŝtoficejoj en Maroko, same kiel Anglujo, Germanujo, Japanujo, Rusujo kaj Usono rilate al siaj poŝtoficejoj en Ĥinlando egaligis la sendkostojn al siaj enlandaj taksoj aŭ por ĉiuspecaj letersendaĵoj aŭ por leteroj sole. Ankaŭ pri la liminterrilatoj 30 kilometra zono diversaj landoj cedis malaltigojn de sendpago, ekzemple Germanujo al Belgujo, Danujo, Holando kaj Svisujo. Inter najbarlandoj ekzistas multnombraj poŝtkontraktoj, kaj tio koncerne ĉiuspecaj letersendaĵoj inter Germanujo kaj Aŭstrio-Hungarujo, Germanujo kaj Luksemburgo, plue inter Hispanujo kaj Portugalo, Usono kaj Meksiklando, Usono kaj Kanadio ; nur koncerne leteroj kaj poŝtkartoj inter Danujo, Svedujo kaj Norvegujo, inter Aŭstrujo kaj Montenegrio, Hungarujo kaj Serbio ; sole koncerne leteroj inter Aŭstrio-Hungarujo, Holando kaj Belgujo, Aŭstrujo kaj Serbio, Bulgarujo kaj Rumanujo, k. t. p. Krom tio tiuj ĉi poŝtkontraktoj inter samlimaj landoj ekzistas tiaj malpli multaj inter ne najbaraj landoj. Antaŭ kelkaj jaroj la poŝtadministracioj de Egiptujo kaj Nov-Zelando deklaris sian emon, interkonsenti kun ĉiu ajn lando pri la penctarifo. Rilate al Egipto akceptis tiun ĉi proponon Anglujo kaj Italujo, rilate al Nov-Zelando Italujo, Meksiklando, Peruo, Portugalo, Siamo kaj Usono. Al ĉi tiuj kontraktoj, kiuj kontentigas proporcie nur malgrandajn interrilatojn, aliĝis la 1au de octobro 1908 la gravega poŝta unio inter Granda-Britujo kaj Usono, la du unuarangaj komercaj ŝtatoj de l'mondo, laŭ kiu la letersendkostoj inter ĉi tiuj landoj estas de nun unu penco (4 Sd.) po unco (28, 3 gramoj). (1).

M. K.

### KONGRESOJ & FESTOJ

#### Rimarkinda datreveno

Hodiaŭ estas la dekoka datreveno de l'naskiĝo de unu el la plej rimarkindaj homoj de nia epoĥo, generalo Booth, fondinto de la Savarmeo. Malmultaj havas la ŝancon sukcesigi siajn projektojn kiel generalo Booth. La evangelia movado kiun li komencis en Londono, rapide kreskis kaj nuntempe havas riprezentantojn ĉie en la mondo. Malgraŭ tio, Booth daŭrigas sian laboron propagandan kun entuziasmo egala al tiu kiun li montris dum la unuaj jaroj de sia vivo. Unue, nur predikante la protestantan religion al la popolamaso en la publikaj ĝardenoj kaj sur la stratoj, per sia konvinkanta voĉo, li inspiris religian fervoron al multaj kaj esperigis al ili feliĉon en postmorta vivo. Baldaŭ liaj apostoloj, — novaj konvertiĝintoj — lin helpis en lia morala agado kaj predikis la evangelion eĉ en la plej malproksimaj landoj kaj la plej malgrandaj lokoj. Nuntempe la Savarmeo estas konata ĉie en la mondo, kaj por multaj Go Booth ludas rolon de spirita patro. Pli rimarkindâ ol la rapida kresko de lia societo estas la multeco de ĝiaj celoj. La « armeo » estas nun unu el la plej grandaj agentoj de rebonigo de l'malriĉuloj, tiom je la socia kaj materia, kiom je spirita vidpunkto. Ĝiaj oficiroj — tio estas la nomo donita al la helpantoj de Go Booth — trairas la plej malriĉajn kaj plej malvirtajn distriktojn de l'grandaj urboj, kolektante la homajn restaĵojn forlasitajn de la aliaj bonfarantaj societoj. Kiaj ajn estas la sociaj elpelitoj : malvirtuloj, ŝtelistoj, krimuloj k. c., la anoj de la « Armeo » estas ĉiam pretaj ilin savi. Alia plenumo ankaŭ apartenas al Go Booth, kiu tre kredeble estas nura en la historio de la mondo. Li ne nur establis vastan internacian organizon ; sed impresigis sian personecon sur milojn da leŭtenantoj, infuzante en ili sian simpation al la homaro kaj stimulante ilin per sia entuziasmo. Plie, li mem kontrolas ĉiujn iliajn agojn. Li estas la vera laboranta estro de la Armeo, tiel multe de la kontinentaj filialoj kiel de la Londona Regimento mem. Ĉiuj demandoj pri elspezoj, pri novaj organizoj, aŭ propagandaj rimedoj ne nur estas proponitaj al li dum la kunvenoj de l' komitato aŭ Armeestraro, sed la tuta regada sistemo de la organizo restas sub lia rekta direkto. La Armeo estas internacia helpilo por enkonduki veran fratecon inter la nacioj ; ĝi neniam sin miksas en la politikon de la nacioj kaj tio estas unu el la sekretoj de ĝia sukceso. Ĝi ĉiam predikas pacon, faras la eblon por forigi internaciajn jaluzojn kaj enkonduki koran senton inter la popoloj. Ĉiu devas konfesi, eĉ se li ne pensas kiel Go Booth — ke li vivis vivon de malegoista sindonemo al sia afero. Li estas sinforgesema en ĉiuj siaj agoj, kaj havas malestimon por la materiaj komfortoj de la vivo. Lia belega ekzemplo estas la ĉefa kaŭzo de l' sindono de lia granda armeo de helpantoj ; kaj li nun eniras sian 80an jaran kun energio simila al tiu de siaj junaj jaroj. La telegramoj kaj gratulaj leteroj kiujn li ricevis de Reĝoj, Deputatoj, Oficiroj, Pastroj, kaj aliaj eminentuloj estas pruvo de la granda estimo en kiu oni tenas Generalon Booth ĉie en la mondo. Pasinton 22an en ĉiuj urboj okazis festoj por lia glori kaj en Londono, la publiko povis ĉeesti paradon en kiu estis rememorigitaj la plej gravaj okazintaĵoj en la progresado de la Savarmeo.

P. B. (Londono).

### GEOGRAFIO

#### Al la Suda Poluso.

La pli plenaj raportoj, kiuj nun trafis nin pri la entrepreno de Leŭtenanto Shackleton, pli fortigas la unuajn impresojn pri la valoro de la rezultatoj atingitaj kaj supera intereso de okazintaĵoj renkontitaj. Ĝi estas ekscita rakonto de danĝero, suferado, kaj sentima heroeco. Leŭtenanto Shackleton sciigas la konsolan novaĵon por estonteca esploristo, ke la Suda Poluso estas sur alta plataĵo, spertante plej malvarmegan, kaj plej ventegan veteron en la mondo, kun sepdek gradoj da frosto eĉ dum la plej bona vetero. Scii tion estas bona parto da la afero. La kondukanto de la estonteca esploraĵo ekiros kun sufiĉa manĝaĵo, kaj taŭgaj veturiloj por porti ĝin, sekve, ne estos necese reveni kiam sukceso ŝajnas esti certigita. Certe oni ne facile trafos la Poluson. La vojaĝistoj estis devigitaj konfesi, ke ili estis venkitaj, ĉar, post kuraĝega provo trans plataĵo, tavolegigita de danĝeraj fendaĵoj, kaj ĉiam balaata de densa neĝventego, ili troviĝis preskaŭ senmanĝe, kaj cetere kun danĝere malalta korpa temperaturo. Dum dek aŭ dekunu semajnoj la ekspedicio nur havis du fortikajn manĝojn La libro eldonota de la esploristo ne estos devigata rakonti, kiel antaŭa esploristo, la kompatindajn detalojn pri foso de tombo per dinamito kaj forlaso de dorma kamarado inter antarktika glacio.

T. K. H. (Pontefract).

#### Kelkaj Andaluziaj moroj.

∴ Ne multe malproksime de la Sankta Ferdinanda urbo, je 10 kilometroj de la Ĉefurbo (Kadiz), ekzistas monteto kie, laŭ tradicio, estis oferataj la sanktaj martiroj kristanaj Servando kaj Germano, kiuj transportataj al Kadizo, per Roma skorto, pereis tie, pro pezo de iliaj katenoj kaj sangaj laciĝoj kaŭzitaj de la vojaĝo. La Katolika Eklezio solenigas la tagon 23an de oktobro, pro ĉi tiu rememoro, kaj ambaŭ antaŭdiritaj urboj, kiuj nomis al ili patronojn estas pretaj, dum tiu ĉi tago, por viziti la monteton, transigante ĝin de la unuaj horoj el la mateno. Rezultas vivoplena kadro tiu kiun prezentas la monteto kaj ĝiaj ĉirkaŭaĵoj, disgutitaj per brilaj kolormakuloj, pro la sennombraj sunombreloj kaj belvidaj vestaroj el la popolaj virinoj, kiuj dum tiuj ĉi lokaj festotagoj, ornamas sin per grandvaloraj ĥinaj brusttukoj plenkovritaj je diverskoloraj brodaĵoj.

Ĉe Kadiz'o, lokitaj sur la klasika Sankta Dia-Johana placo, kaj la antikva strato *Aduana* (Limimpostejo), la veturiloj kaj fiakroj nomitaj « Manuelas » (Manuelinoj). invitas al la ekkursanoj transporton ĝis la amuzfesta loko, haltante ĉe la ĉefvoja gastejoj. La senĉesa movado de elektraj tramvojoj, pli malkaraj sed malpli distremaj, alternas kun la eniro kaj eliro de tiuj fiakroj, kiuj nenial perdis sian guston kaj gravecon, por la popolamaso, ĉiam preta por amuziĝi. En Sankta Ferdinando, de la Plej-granda Preĝejo, ĝis la Aleo, longa vico da « Manuelas » stariĝas arangitaj por la ekkurso. Ĉar la interspaco de tiu ĉi lasta urbo al la monteto, estas ne multa, iuj entreprenas piede la vojaĝon, kaj aliaj rajdante sur azenoj, malkare luitaj.

Ni alvenis, fine, sur la altaĵo de la Martiroj ; ni supreniris la altan ŝtuparon kondukantan al la Preĝejeto, kaj kuŝigas nian rigardon al la ĉirkaŭaĵoj, ĉirkaŭprenante etendon je kelkaj centkilometroj. Kia belega spektaklo !... Norde, Kadiz'o kiu ŝajnas eliri el sia golfeto, kvazaŭ blanka mevo ; kaj Sankta Ferdinanda urbo, preskaŭ mane, survidigante la altajn turojn el sia Plej-granda Preĝejo, tiun de la antikva Karmelitana Monaĥejo, la kameno el la Centra-Fabriko de la Elektra-Tranvojo ; kaj, pli malproksime, la Astronomia-Observatorion de la hispana Mararmeo, ĝian elegantan portikon per blankega kolonaro, kiu reflektas la sunajn radiojn, tutamplekse banita de ĝia lumo. Oriente, la haveneto « Gallineras » ordinara alvenejo de fiŝkaptadaj ŝipoj, kie estis, antaŭ longe, la primitiva domaro de la nuna urbo. Sude, la maro ; la majesta Atlantiko, kiu ŝajnas grandega spegulo, blua plataĵo, apenaŭ agitata de Orientvento, kiu altigas la ondomovadon, nur videbla kiam ĝi frapas kontraŭ la ŝtonegon kiujn malkaŝas sur la marbordo. Tie, multe malproksime, vaporŝipo kiu revenas de ni ne scias kie, petante havenon ; oni rimarkas la fulman ŝiparan postsignon kiu signalas ĝian marŝadon. Kaj, fine, supre, senmakula ĉielo, la blua ĉielo de Andaluzia, kiu ne havas konkuranton en parto el la mondo. La aero, saturata je ozono, invitas spiri ; kaj ĉi tio estas sufiĉa por pagi al ni nian vojaĝon.

Je la deka horo matene, la pastroj diras meson, en la Preĝejeto, por honori la Sanktajn Patronojn, ĉeestante ĉiuj ekkursanoj, kiuj tute pleniĝas tiun ; kaj, kiam tiuj diservoj estas finitaj, ili disapartiĝas sur la vasta herbejo, apud la monteto, serĉante ombron de olivarbo, kiu protektas ilin kontraŭ la radioj de tro varmega suno. Tiam komencas la amuzfesto. Aroj da gejunuloj, kiuj ekdancas kaj ekkantas gaje ; familioj kiuj preparas sian manĝeton ; gravaj sinjoroj, kiuj nur iris en la amuzfeston por ĝui la spektaklon, ne enmiksiĝante iel al la ĝenerala bruego : ĉiuj kontentaj je la rolo kiun la sorto al ili havigis.

La amuzaĵo daŭras tiamaniere, ĝis la suno malaperas tute ; kaj meze de vespera krepusko, komencas la revenado, okazigante spritaĵojn senĉesajn, kies konsekvencoj atingas foje al ĉambreto de la drinkejo, foje al la malliberejo, kie dormas la skandaluloj kaj la batalemuloj.

J. Garzon Ruiz (Cadiz).

## La Faktoj

*29 Marto. Parizo.* — La deputataro aprobas la projekton de fervojo de Ĝibuti al Addis-Abeba (Abisinujo).

*31. Monako.* — Inaŭguro de konkurso de aŭtomobilaj boatoj.

*Ateno.* — La ministraro eksiĝas.

*Miramar.* — Renkonto de reĝoj de Anglujo kaj Hispanujo.

*1 Aprilo. Romo.* — Inaŭguro de la elmontro de la Brita Akademio de Artoj.

*Parizo.* — J. Aicard kaj R. Doumic estas elektataj membroj de la Franca Akademio.

*2. Petorburgo.* — Solenaj rememorigoj en ĉiuj lernejoj por la datreveno de la naskiĝo de verkisto Gogol.

*4. Romo.* — Eksiĝo de ministro de l'milito Casana. Generalo Spinzardi estas elektita nova ministro.

*5. Venezio.* — Alveturo de Ministra princo Bülow.

*6. Romo.* — Inaŭguro de nacia kongreso de librotenistoj.

*7. Lisbono.* — Reĝo Emanuelo komisias Sebastianon Tellos starigi novan ministraron.

*7. Kostantinoplo.* — Tecofik Jaŝao estas elektita ambasadoro en Londono.

*8. Pizo.* — Unua kongreso por la defendo de la klasika lernejo.

*10. Londono.* — Mortas fama angla poeto Karlo Surinbarne.

*Kairo.* — Kediveo inaŭguras kongreson de klasika arkeologio kun la ĉeesto de 800 kongresanoj.

*Fort-de-France.* — Oni forpelas la eksprezidanton de la Venezuelo respubliko, S-ro Castro.

*11. Venezio.* — Ministro Fittoni vizitas princon Aŭlow.

*Saint-Etienne.* — Unua kunsido de kongreso de unuigitaj socialistoj.

*13. Absugo.* — Terdisfalo detruas la vilaĝon Alvi.

*Turkujo.* — Okazas gravaj ribeloj.

*Rochester.* — Terura brulado en la orienta kvartalo.

*14. Pariso.* — Inaŭguro de Ekspozicio de la Nacia Societo de Belartoj.

*15. Romo.* — Wright komencas feliĉe siajn provojn de aerveturado.

*Lisbono.* — Ministrestro Telles prezentas al Deputataro la novan ministraron.

*Konstantinoplo.* — Sultano traktas kun la ribelantoj kaj starigas novan ministraron.

*Petrurbo.* — Oni kondiĉas novan bulgaran pruntaĵon de 280 milionoj de Sm.

*Korsu.* — Alveturo de reĝo Georgo el Grekujo.

*Romo.* — Okazas internacia konkurso de skermado. Venkas majstro Karolo Gandini.

*17. Genovo.* — Alveturo de la anglaj gereĝoj kaj de la carino.

*Leopolo.* — Oni kondamnas je mortopuno la rutenan studenton Siczynski, mortiganto de Guberniestro Potoki.

*Romo.* — Solena beatigo de Johanino d'Arko. Granda manifestado en Vatikano.

A. TELLINI.

## NUNTEMPAĴO

## TRA SICILIO

III (1)

La strato de la marbordo estas nun preskaŭ libera kaj tie ĉie estas alcentrigita la vivado de la malmultaj restintoj. Vere malgranda afero kompare kun la movado, kun la komerco, kiuj faris el Messino unu el la precipaj urboj de Italujo. Ia malofta kaleŝo veturigas iun publikan oficiston, iun oficiron. Ĉaroj kun historiaj faktoj vivkolore pentritaj sur la parietoj kaj kun ĉevaloj ornamitaj per jungaĵoj diverskoloraj kaj plenegaj de brilaĵetoj sferojdaj (laŭ la loka kutimo) transportas meblojn aŭ partojn de mebloj, kestojn de tuko aŭ alian eltiritan el la rubaĵoj. Aliaj ĉaroj trenitaj de malgrasegaj bovoj kun longaj kornoj kaj flavruĝa mantelo estas ŝarĝitaj de tabuloj kaj traboj por la konstruado de la barakoj. Ia modesta kolportisto, ia provizora rifuĝejo, kie oni povas trinki, tio estas la nuna movado de Messino. Krom tio grandega nombro de ĉiuspecaj soldatoj kaj policanoj, tiel ke oni povas kredi, ke ĉiu ŝtono havas gardiston. De la strato de la marbordo transirante la korson Garibaldi, oni eniras en la korson Cavour, kie estas la maksimumo de l'detruado kaj dezertigo. Nenia domo, nenia muro restas ; nenio montras pri tio, kio antaŭe estis ; nenio, vere nenio. De oriento al okcidento sola unika amaso de

(1) El Memorialo de la Senato de la Berlina Komercistaro.

dispecetigitaj brikoj, de pistitaj ĉarpentaĵoj, de fragmentoj de ŝtofo, de paperaj pecetoj. Tie ĉi oni antaŭeniras, gvidita de iu rajtigita kaj de policanoj kaj de soldatoj. Kelkafoje venas al la lumo iu objekto aŭ memoraĵo, kiun la serĉanto rekonas kiel apartenaĵon de unu sia samfamiliano, kaj li kun emocio tuŝas kaj palpas ĝin, kaj proksimiĝas al la koro, al la lipoj. Nun venas meblo, ne apartenanta al la familio, sed al alia, kiu loĝis en la kontraŭa domo, aŭ en la domo sekvanta. Post la terura skuo la domoj, falante, restis kvazaŭ amalgamitaj, kio igas serĉadon ankoraŭ pli malfacila.

Se mi devus skribi ĉiujn malĝojajn okazintaĵojn rakontitajn al mi de la postvivantoj mi konsumus min por raporti kaj vian paciencon por legi. Tiu perdis tri, kvar samfamilianojn, tiu ĉi ĝis dekdu-dudek. Sinjoro loĝanta en Kairo rakontis, ke telegrame informite pri la tertremo li kun tumulta koro rapidis foriri al Brindisi, havante en Messino sian maljunan patrinon vivantan kun fratino, kiu havis kvin infanojn. En Brindisi li ne sukcesas ricevi de la loka aŭtoritato iun klarigon aŭ rajtigon iri Messinon. Vi povas imagi kun tia animstato li vidis, ke preterpasas la tagoj. Laca de tiu prokrasto li decidas foriri kiel ajn, kaj serĉi siajn. Alveninte li trovas la loĝejon de siaj parencoj detruitan kaj pri ili ne sukcesas atingi informojn de iu. Plenega de malespero li tiam pensis sin turni al vilaĝanoj de bieno apartenanta al la familio por ke ili lin helpu almenaŭ por serĉi la kadavrojn, kaj el ili li ekscias pri la malĝoja sorto de siaj samsanguloj. El la tuta familio postvivas sola infano. La bonaj vilaĝanoj, tuj post la skuo, pensis al siaj mastroj kaj iris al la urbo por ilin helpi. El la rubaĵoj de l'domo ili eltiris la bofraton mortintan kun la kapo disfrakasita de trabo; li inter la brakoj havis infaninon egale mortintan. La kadavroj de la tri aliaj infanoj estis trovitaj ne malproksime. La fratino, ŝi ankaŭ, estis mortinta de multaj kontuzoj kaj en la brakoj havis la savitan infanon, senkonscian, kun la kapo kaj vizaĝo makulitaj de sango, tiel ke unuavide li ŝajnis perdita. Sed lia koro batis kaj lavita de la savantoj, ili ĝoje povis konstati, ke li havas nenian vundon sed estas nur malpura de la sango de l'korpo de sia patrino, kiu servis al li kiel ŝildo. La maljuna patrino estis eltirita sana, sed kiel rigidiĝita de doloro kaj teruro; ŝi povis nur voki la malproksiman filon kaj al la vilaĝanoj helpemaj ripetis senĉese; «Vi vidos, ke Guido hodiaŭ alvenos». La tagon, en kiu la rakontinto alvenis en Brindisi, lia malfeliĉa patrino mortis, dirante kiel lastajn vortojn, en la nebulo de l'agonio: «Brava Guido, vi alvenis, mi neniam dubis pri tio, mi rekomendas al vi la nevon Karlo, solan postvivanton; estu la volo de Dio». Kaj tion dirante, la malfeliĉa sinjoro ploregis kaj premis al la brusto sian nevon, belan naŭjaran knabon, kiu plorante interŝanĝis la kisojn de l'onklo. Tiuj bravaj vilaĝanoj redonis al la sinjoro multekostajn objektojn familiajn kaj paperujon kun okcent frankoj, pruvante ke nur la amo ilin instigis al tiu nobla kaj grandanima faro.

Alian historion pli kompatindan kaj doloran rakontis al mi sinjorino pri sia amikino eltirita el la rubaĵoj post sep tagoj kaj mortinta de vundoj kaj eble de la doloraj impresoj travivitaj. Tiu sinjorino estis renversita sub la rubaĵoj kun la edzo kaj tri infanoj, el kiuj la plej granda estis apenaŭ dekjara. Neniu mortis en la falo. Unuamomente ili sin reciproke kuraĝigis, certigante unu al la alia, ke oni tuj alvenos por helpo. Je bruo proksima aŭ malproksima kun deziregо demandis: «Ĉu vi sentis? al mi ŝajnis aŭdi frapojn de pikfosilo, ŝajnas, ke oni parolas sur ni», kaj ili ĥore kriis. Sed la krio ne eliris el la tombo. Post la paso de l'bruo kaj iluzio la edzo demandis la edzinon: «Kiel vi sentas vin?» — «Mi estas kaptita inter la ŝtonoj kaj sur la brusto havas trabon, kiun mi ne sukcesas movi; ŝajnas, ke ĝi min tuj sufokos?» — «Ĉu vi povas movi almenaŭ?» — «Ho ne! kara, mi havas la matracon kaj mi ne scias kio alia sur la korpo, al mi ne doloras, sed neniu movo estas ebla — kaj vi Nella, Cateri, Pippo, kiel vi sentas vin?» Je la ripetitaj petoj kaj alvokoj sole plora plendo de Nella respondis, Cateri kaj Pippo, anstataŭ respondi, ploris kaj petegis de la patrino, ke ŝi portu ilin al la lumo, ke ŝi donu trinki akvon. Kiu korŝiro por patrino! Je ia momento, kiun la malfeliĉa virino ne povis precizigi, Nella ne plu respondis al ŝia alvoko ne eĉ kun plendoj, Cateri kaj Pippo plorpetis pli ofte kaj pli insiste: «Patrino, mi mortas, donu al mi plengorĝon de akvo!». Poste li komencis deliri kaj la patrino, ne sciante kion diri, invitis lin sin turni al Dio kaj eldiri preĝon, ĉar ili estis irontaj Paradizon, al kio respondis Pippo: «Ĉu tie ni trovos akvon, patrino?». Tiaj estis la lastaj vortoj. Pippo kaj Cateri de tiam ne plu respondis la patrinan alvokon, kaj la malfeliĉa martirino aŭdis, ke ŝia edzo faras superegan klopodon ekjeti krion, kiu havis nenion homan, kaj poste nenio; la naturo kompate elprenis de ŝi la komprenon. La malfeliĉulino, poste eltirita, kaj momente reakirinte la konscion, rakontis sian teruran historion kaj esprimis, ke ŝia plej granda deziro estas atingi ŝiajn infanojn, dezirо, kiu, finis la rakontintino, estis rapide plenumita.

Malriĉa metiisto montris al mi la domon, kiun la malglora tertremo, kiel li diris, detruis al li. «Vidu, sinjoreto, montrante la rubaĵojn, kio restas al mi el la ŝparoj de dudekjara laboro! kaj plie, mi faris ŝuldojn, kiuj restas. Ho! se mi ankaŭ estus sekvinta en la tombo mian Maddalè, mian edzinon! En la momento de la katastrofo mi estis jam sur la strato, ironte al la laboro; je la unua skuo mi revenis kaj antaŭ mia domo min surprizis dua pli grava skuo. Mi eĉ ne povis diri Jesu-Maria, kiam mi vidis mian domon ŝanceliĝi, malfermiĝi kaj enfali, kaj sentis iun ekfrapi perforte la ŝultron, tiel ke mi preskaŭ falis. Rekonsciiĝinte el la miregо kaj speco de sufokiĝo produktita de l'polvo, mi plenpulme krias: Maddalè, Maddalè! Mi aŭskultas timege kaj aŭdas ploran plendon apude; mi turnas kaj ekvidas, blankan mason, kiu moviĝis. Estis Nenne, mia filino. La malgrandulino falante el la lito, estis puŝita kontraŭ la fenestro malfermita kaj tiel falis sur mian ŝultron, sin savante je vera miraklo de la bona Virgulino. Pri Maddalè, malfeliĉa, mi ŝin eltiris el la rubaĵoj du tagojn poste, kaj mi dankas al Dio, ke la malfeliĉulino ne havis la tempon ekvidi la morton, ĉar trabo falinte sur ŝin devas esti ŝin sendinta senpere paradizon».

La Katedralo de tre malnova Normanda stilo kun multvaloraj mozaikoj, kun siaj masivaj kaj grandegaj kolonaroj, siaj muroj preskaŭ ciplokaj, kiuj bone rezistis la antaŭajn tertremojn, ankaŭ falis. La fundamento, de unu el la kolonoj estis forportita kaj unu restis kiel pendanta el la plafono. En aliaj lokoj de l'urbo iu domo, kvankvam disrompita en la flankoj kaj ŝancelita staris kaj transirante sur la rubaĵoj oni povis vidi liton aŭ ŝrankon, kiuj subtenas seĝon, muron aŭ murpecon, ĉe kiu pendas pentraĵo, ilaron, vitrameblon. En domo laŭlitere senfasadigita oni vidas dormoĉambron tutan kaj soloneton, en kiu inter aliaj ornamaĵoj estas sunombreloj japanaj. Dum promeno sur la rubaĵoj oni piedpremas matracojn, litskeletojn disrompitajn, fragmentojn de kadroj, librojn, fotografaĵojn, kaj ne malofte tabulo de ŝranko faras al vi kiel ponteton por transiri de amaso al amaso. Ofte mi malkovras kadavron nerekoneblan pro la tempo pasinta post la morto. En spaco, kiu devis esti placo, oni vidas krucojn plantitajn. Vi demandas, kion ili signifas. «Estas tie entombigitaj de kvar ĝis dek personoj». La aserto, ke Messino estas tombejo estas, ho ve! neduba vereco. Antaŭ ol la efikoj de tiu terura sortbato estos riparita, jaroj kaj jaroj estos bezonoj. Sed Messino reviviĝos, ĉar tia estas kaj estos la deziro kaj volo de ĉiu Italo.

⁂ Post la vido de Messino, *Reggio*, kiu tiom suferis, ne faras tiel grandan impreson. Tie ĉi ankaŭ konstruaĵoj disrompitaj, tutaj stratoj disfalintaj, sed tamen en iuj lokoj konservas la ŝajnon de loĝebla urbo. Interesaj estas la haveno kaj kazerno Mezzacapo. La digo de l'haveno grandaparte malflosas; sur la resto, je akvonivelo, oni vidas fervojĉarojn, ĉu renversitajn, ĉu disrompitajn, ĉu malflositajn. Oni rigardas, studas, sed ne sukcesas kompreni kiel povis okazi tia ĥaoso. La fabrikejo de la stacidomo donas iluzion pri stablo bombardita kaj almilitita. Senvitraj fenestroj, pordoj duonigitaj, parietoj mankantaj aŭ larĝe truitaj, tegmento parte falinta, pavimo plenega de rubaĵoj, morteraĵoj kaj polvo. La kazerno Mezzacapo estis la ĉefa milita loĝejo de l'urbo kaj tie loĝis granda parto de la 21ª reg. infanteria. En tiu loko oni nombris tricent viktimojn, ĉiujn junulojn de dudek-dudekdu jaroj. Sole, la ekstera muro de l'kazerno restis kaj je flanko oni vidas reton plenan de panmunicio, kiu pendas. Tie ankoraŭ pendas la kapotoj, sabroj, manviŝiloj, lavvazoj de la malfeliĉaj soldatoj. El la rubaĵoj oni eltiras ankoraŭ kadavrojn, hamakojn, matracojn, kusenojn makulitajn de sango. Kia stranga impreso vidi la eltiron de miksaĵo de karnoj putrintaj kaj senformaj, kiu reprezentas la restaĵon de dudekjara junulo! Oni restas kortuŝitaj, tre kortuŝitaj! Kio restas el la magazeno de l' regimento, tio estas alia spektaklo, kiun mi povis ĉeesti: kartoj, dokumentoj, pafiloj disrompitaj, tornistroj senharigitaj, panujoj eluzitaj, oleujoj premegitaj... En Reggio oni renkontis pli da movado ol en Messino kaj pli da iniciato por reiri al la socia vivo, sed tie ĉi ankaŭ oni vivas elemente. Mi manĝis en speco de subteraĵo, pompe alnomita gastejo, sen tuko kaj preskaŭ sen potaro, sed ĝi estas loko, kie oni povas manĝi. Laŭ la strato oni renkontas fiakron, oni vidas negocejojn malfermatajn inter kiuj librejo kaj gazetvendejo. Oni jam de tiel longe kutimis nenion vidi, ke tio ŝajnas kiel mirindaĵo. La pli multaj stratoj, kvankam okupataj de rubaĵoj, havas spacon liberan, kiu ebligas trairon; la stratbalaistoj metis denove la manojn al la balailo kaj aktive laboras. Ankaŭ ne mankas soldatoj. Reggio ne suferis malpli ol Messino, sed pro ĝia malpli granda vasteco, oni povis pli facile helpi.

⁂ Solano estas vilaĝo perdita inter la montoj, kie oni naskiĝas, grandiĝas, mortas, sen konatiĝi kun la akuŝistino aŭ la kuracisto, kie kiu scias, ĉu kaj kiel funkcias la ŝtata registro. Fervojo estas iniciatita por kunigi tiun vilaĝon kun Bagnara, sed ĝis ĝi estos finita oni bezonas aliri al ĝi per mulista vojo; por ĝin transiri estas konsilinda testamenti kaj asekuri kontraŭ la malfeliĉoj. El la suprajo oni okulregas tutan la markolon kaj oni vidas ĉiujn vilaĝojn de la marbordo ĝis Messino kaj Reggio. Solano estas tute disrompita. Oni vidas, ke en la konstruaĵoj oni uzis pli da tero ol kalko. El la stato de l' vilaĝo oni surprize ekscias, ke tie ĉi estas nur dudek ses mortintoj, pro la frumatenaj kutimoj de la montanoj. Imagu, kun la ekzistantaj komunikoj, kiu malfacila problemo helpi tiun malfeliĉan loĝantaron. Per palisoj de kaŝtanarbo, per branĉoj, kun tabuloj, la mizeruloj formis al si kavernojn antaŭadamajn. La vilaĝanoj ĉion perdis, kun la domo, meblaroj kaj ilaroj ĉiujn provizaĵojn por la vintro. Je nia alveno, la loĝantaro, kredinte nin komitato por helpo, amasiĝas petas helpojn, postulas barakojn. Soldoj kaj bonaj vortoj estas ĉio, kion ni povas doni al la malfeliĉuloj.

Mi finas tiujn informojn pri la tertremo, dankante tutkore tiujn, kiuj, ne Italoj, pruntis sian agemon aŭ sendis fratajn helpojn. Karaj samideanoj, vi trovis nian leteron eble longa, certe unutona. Indulgu min, pensante, ke la supre dirita estas nenio kompare kun la malfeliĉo de la fratoj frapitaj de la tertreno.

(*Fino*). N. MUZZIOLI (Peruĝia).

(1) Vidu « ESPERANTO » de 5-20 Aprilo.

## TRA LA MONDO

# Vojaĝo tra la valo de Rejno

Kiu Esperantisto neniam aŭdis pri la Rejno, la plej bela el la germanaj riveregoj? La germana popolo gloras ĝin en siaj kantoj, okupas sin je ĝi en siaj legendoj. Certe ankaŭ multaj Esperantistoj konas almenaŭ unu el tiuj kantoj, unu el tiuj legendoj: mi pensas la legendon pri la « Loreley », kiun rakontas al ni la Majstro en la Fundamenta Krestomatio.



MAINZ

Multaj Esperantistoj jam vizitis Rejnon; multaj estonte vizitos ĝin. En la unuaj tiu-ĉi artikolo eble vekos agrablan memoron; la lastajn ĝi eble povos helpi por la aranĝo de la vojaĝo; kaj aliaj eble ŝatos sciiĝi pri bela parto de la tero.

Do akompanu min, samideanoj! Ni supreniru kune tra la Rejna valo de Koeln al Mainz! Kun tre esperas ke multaj el vi efektive faros tiun-ĉi vojaĝon dum la somero, ĉu veturante al la kongreso, ĉu alie. Tiamaniere vi komprenoble pli bone ekkonos la belaĵojn de la Rejno ol per mia mallonga priskribo.

Ni renkontiĝu en Koeln. Eble vi dum vi[...] veturo jam vidis la malsupran parton d[...] Rejno, kie la larĝa rivero majeste fluas tr[...] kamparoj de la ebenaĵo; ankaŭ tiu reĝ[...] havas siajn ĉarmojn (vidu la bildon de Re[...] Eble vi jam vizitis al *Düsseldorf*; tiu urbo [...] tas tre vidinda, precipe pro la belegaj par[...] la larĝaj stratoj kaj aleoj (avenuoj), la g[...] diozaj konstruaĵoj la belaj muzeoj kaj la [...] magazenoj.

Ne malpli interesa estas *Koeln*, la metro[...] de la Rejnlando. Oni tuj rimarkas ke ĝi e[...] tre malnova urbo; la stratoj de la inte[...] urbo estas mallarĝaj; multaj antikvaj do[...] tie ekzistas; sed ĉirkaŭ la interna urbo [...] etendas larĝaj aleoj kaj troviĝas belegaj [...] blikaj ĝardenoj, ekz. la Zoologia Ĝarden[...]



RHESS RHEINFRONT

plej fama konstruaĵo estas la Katedralo[...] plej granda gotika konstruaĵo de la mon[...] Krom tiu multaj aliaj preĝejoj, kelkaj m[...] kaj antikvaj domoj estas vizitindaj.

F. ARNTZ.

(Bad Godesberg)



KASTELO STOLZENFELS

# Esperanto-Movado

Iliaj Majestaj Moŝtoj la Gereĝoj de Hispanujo bonvolis donaci 250 Pesetojn kiel premion por la Floraj Ludoj.

Inter aliaj eminentaj donacintoj estas: la *Ministro de Enlandaj Aferoj, Rektoro de Barcelona Universitato,* D-ro Johanno B. Benlloch-Episkopo, S-ro Vilasara-Urbestro, la Barcelona Deputataro, Nia Majstro D-ro L.-L. Zamenhof, k. a.

Kompreneble ne mankos en tiu festo ankaŭ aliaj plezuroj: muzikaĵoj, kantadoj, deklamoj k. c.

Kredeble niaj legantoj volos partopreni tiun ĉi allogan konkurson, tial ni donas la liston de proponitaj temoj kaj premioj. Jen estas la kondiĉoj:

Ĉiuj manuskriptoj konkursantaj devas esti senditaj antaŭ la 1ª de Junio 1909 al la redakcio de *la Revuo* (79, boulevard Saint-Germain, Paris). Ĉiu manuskripto devas esti anonima kaj surhavi nur devizon kaj esti akompanata de fermita koverto, enhavanta la nomon kaj adreson de la aŭtoro kaj *ekstere la saman devizon.* Ĉiuj temoj devas esti traktataj en originala formo. *Nenia traduko estos akceptita.*

### 1. — Ordinaraj Temoj.

1. — « Esperantista Societo en Vilassar-de Mar ». — Poezio pri Amo. — Bukedo el naturaj floroj.
2. — « La Revuo ». — Poezio pri Homaro. — Arĝent-orita floro.
3. — « Kongresa-Komitato ». — Poezio pri Fido. — Arĝenta violo.

### 2. — Temoj proponitaj de kongreslandanoj.

4. — Iliaj Majestaj Moŝtoj la Gereĝoj de Hispanujo, Alfonso XIII kaj Victoria Eugenia de Battenberg. — Monografio pri hispana pentristo. — 250 Pesetoj.
5. — Lia Moŝto Johano de la Cierra, hispana ministro de Enlandaj Aferoj. — Raporto pri memorinda paĝo de l' historio. — Kolekto da esperantaj verkoj.
6. — Lia Moŝto La Babono de Bonet, rektoro de la Barcelona Universitato. — Ĉu estas necesa la lernado kaj propagando de internacia lingvo? — 100 frankoj (Sm 40).
7. — Lia Moŝto D-ro Johano B. Benlloch, episkopo de Urgell. — Religia temo. — Arta objekto.
8. — Lia Deputata Moŝto S-ro T. Rius y Torres. — Aro da popolaj rakontoj, — 50 Pesetoj.
9. — S-ro Alfonso Sabadell, prezidanto de la Grupo Esperantista « Barcelono ». — Taŭgeco de la Esperantistaj kongresoj por la disvastigado de la interna ideo de Esperanto. — Arĝenta poŝmonujo.
10. — S-ro Johano Rosals, ĝenerala esperanta konsulo en Barcelono. — Tri broŝuretoj por propagandi Esperanton: unua por la laboristaro, dua por la mezklasa popolo, tria por la kleruloj. — 25 Frankoj.
11. — S-ro Ramon Tobella, de la Esperanta presejo « Tobella ei Costa ». — Esperanto, bona ilo internacia por propagandi la literaturajn ĉefverkojn. — Arta objekto.
12. — La Vilasara Urbestraro. — Temo lasita al elekto de la konkursanto (prozaĵo). — Arta pokalo.
13. — La Barcelona Deputataro. — Temo lasita al elekto de la konkursanto. — Gravega ekzemplero de la Katedralo de Barcelono.
14. — Centre Autotomiste de Dépendents del Commerç i de la Industria. — Tezo pri la societa devizo « Edukado, Mutualismo, Naciismo ». — 50 Pesetoj.
15. — La Societat d'Atraccio de Forasters. — Barcelono, taŭga vintra restejo. — Arta objekto.
16. — Hispana Societo por la propagando de Esperanto. — Originala monologo prezentebla. — 25 Frankoj.
17. — Espero Kataluna. — Al la plej bone verkita aro da dek-du rakontoj, longaj je duona ĝis tuta presita paĝo, gradigitaj por praktika legado ĉe esperantaj kursoj. — 50 Pesetoj.
18. — La Grupo Esperantista « Barcelono ». Resuma historio de disvastigado de Esperanto. — Arta objekto.
19. — Esperanto kaj Patrujo, esperantista grupo en Barcelono. — Esperanto kiel diskonigilo de ideoj. — Arta objekto.
20. — La Biblioteko « Joventut ». — Noveleto pri naciaj kutimoj. — 100 Pesetoj.
21. — Bonanova Stelo, esperantista grupo en Bonanova. — La maro. — Arta objekto.
22. — Paco kaj Amo, esperantista grupo en Gracia. — Esperanto, kiel simbolo de Paco kaj Amo. — « La Faraono » lukse bindita.
23. — Societo Esperantista de Igualada. — Gloro al Kolumbo! eltrovinto de la nova mondo. — Arta objekto.
24. — Esperanta Semo, esperantista societo en Sabadell'o. — Prozaĵo, kiu elpruvos la emon de esperanta lingvo konservi kaj plifirmigi la naturajn lingvojn. — Exlibris de la societo bronze farita.
25. — Vika Esperantistaro. — Originala fablo. — 50 Pesetoj.
26. — Nu!! kataluna grupo en Parizo. — Bonhumora rakonto. — Aro da katalunaj objektoj.
27. — Esperanta Fortuno, grupo esperantista. — Bonhumora poezio pri la pliboneco de Esperanto rilate ĝiaj malamikaj lingvoj. — Arta alegorio de Esperanto.
28. — La Suno Hispana. — Versaro pri la patrina amo. — Arta objekto.
29. — Tutmonda Espero. — Rakonto por la infanoj. — Ĉiama abono al tiu ĉi revuo.

### 3. — Temoj proponitaj de alilandanoj.

30. — D-ro L. L. Zamenhof. — Regno de homoj. — Plena kolekto de la verkoj de l' Majstro riĉe binditaj kaj kun manuskripta dediĉo.
31. — Presa Esperantista Societo. — Fideleco. — Belega portreto de D-ro Zamenhof, valoro Fr. 37,75 (15 Sm.).
32. — Belga Esperantisto. — Loka regiona legendo (laŭ libera temo) prozaĵo da 4-5 paĝoj. — Branĉo de rozujo el fero forĝita longa je 45 cm. Belega artaĵo, specialaĵo de la urbo Antverpeno.
33. — Franca Esperantisto. — La plej bona originala rakonto, ne pli longa ol du paĝoj aŭ kvar kolonoj kiel la felietono de Franca Esperantisto. — 25 Frankoj (Sm. 10).
34. — Germana Esperantisto. — Internacia frateco per Esperanto. — Plena kolekto de la verkoj de la firmo Moller und Borel, riĉe binditaj.
35. — Juna Esperantisto. — Juneco. — Libroj el la katalogo de la Presa Esp. Societo, laŭ elekto de la premiita kandidato, valoro Fr. 12,50 (5 Sm.).
36. — La Revuo. — Respondo al « La Malhelpisto de l' Hezito », vidu paĝon 231, nº 29 de « La Revuo ». — Unua premio. — 200 Frankoj (Sm. 80).

Verda Stelo (Meksikujo). — Dua premio por respondo al « La Malhelpisto de l' Hezito ». — 10 Piastroj (Sm. 10).

37. — Lingvo Internacia. — Ni fosu nian sulkon! — Libroj el la kolekto de L. I. (aŭ de la Presa Esp. Societo), laŭ elekto de la premiita kandidato, valoro Fr. 25 (10 Sm-).
38. — Paris-Esperanto. — Kiaj estos la konsekvencoj de la aerflugado por la vivado de la homoj? — 25 Frankoj (Sm. 10).
39. — Pola Esperantisto. — La plej bona monologo, preferinde el la vivo esperantista. — 1º Belebinditaj jarkolekto de « Pola Esperantisto » por la jaro 1908 kaj ĉiuj literaturaj eldonoj de « P. E. », kiuj aperos antaŭ la Barcelona Kongreso. — 2º Jarkolekto de « P. E. » por la jaro 1908 kaj ĉiuj literaturaj eldonoj de « P. E. » en simplaj kovriloj. — 3º Jarkolekto de « P. E. » por la jaro 1908 belebindita.
40. — The British Esperantist. — La historio de Esperanto, verkota en manuskripto da 3.000 ĝis 10.000 vortoj. — 40 Sm.
41. — Tra la Filatelio. — Poezio pri Filatelio. — 50 Frankoj da poŝtmarkoj laŭ katalogo.
42. — Japana Esperantisto-Leviĝanta Suno kaj « Verda Stelo », poezio netre longa, por Japanaj Esperantistoj-Belega japana belarta objekto.

* * *

La plej favora tempo por nia propagando[...] vintro finiĝis. Venis la printempo, kiam n[...] amikoj kolektiĝas por bilanci la rezultatojn[...] siaj fervoraj ĝisnunaj laboroj, fari nov[...] elektojn, starigi kaj priparoli novajn task[...] por la proksima tempo; ankaŭ por recipr[...] ĝuadi la korajn amikajn renkontojn kun d[...] karaj kunbatalantoj, sin plezurigi kaj samtem[...] manifestadi antaŭ la neesperantista publiko[...] sukcesojn de Esperanto per grandaj ĝenera[...] kunvenoj de Ligoj, Federacioj kaj Naciaj K[...] gresoj

La 24-25 okazis en *Solsturno* (Soleure) [...] jarkunvenada *Svisa Esperanta Societo* (S.E.[...]

La 20-23 majo okazos en *Gotha* sub la [...] protektado de Lia Moŝto la Duko Carl Edu[...] von Sachsen-Coburg und Gotha la IV Germ[...] Esperantista Kongreso.

La 29-31 majo okazos en *Leeds* Albert [...] la II Brita Esperantista Kongreso, sub la [...] spicioj de la Iyorkshire Esperantista Federa[...]

Dum la Pasko, la 10-12 aprilo okazos [...] muna Kongreso de bohemaj partianoj de Es[...] ranto, pacifismo kaj libera penso. Estos [...] ciale arangita Esperantista Kunveno, kie [...] diskutos Esperante. Funkcios la ekzam[...] Komisio de « Boh. Asocio Esp. ». La alia p[...] de Bohemaj samideanoj, kiuj konsistiga[...] Bohaman Union Eperantistan (B. U. E.) [...] partoprenas la diritan Kongreson kaj dec[...] aranĝi sian speciale Esperantan Kongreso[...] 26-28 septembron 1909.

La 18ª aprilo estis la ĝenerala kunveno [...] delegitaro de *Pariza Federacio*. Teatra [...] zentado en festo salono de *Journal*, solena [...] dono de premioj en Sorbono, granda konc[...] en *Hôtel Moderne*.

La 25 julio en *Condé* la ĉiujara Kongres[...] franca *Federacio de l' Norda Regiono*.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOSIO

U. E. A.

## OFICIALA INFORMILO

### Fako I$^a$ : ADMINISTRADO

*Diversaj Avizoj.*

*. La oficiala insigno de U. E. A. (nova mo-
lo) estos preta tuj en la komenco de majo;
plej rapide estos sendata al ĉiuj mendintoj.

*. Aperis la 3$^a$ serio de la *Oficiala Jarlibro*,
mpletigita ĝis la 15$^a$ de Marto.

*. La tempolimo de niaj konkursoj (1$^a$ de
ijo) estas nun finita. Ni raportos en la prok-
na n° pri la rezultatoj de tiu entrepreno.

*Aliĝoj.*

La nombro de la Esperantianoj repagintaj la
tizajon por 1909 atingas proksimume 2800.
tre instigas ĉiujn niajn novajn Del. & Sub-
l., ke ili plej baldaŭ sendu la listojn de la
embroj varbitaj de ili. Ni rememorigas, ke
la 1$^a$ de Julio ĉiuj ĝisnunaj Del., kiuj ne
tos varbintaj minimume 20 membrojn, fari-
s plenrajte Subdelegitoj. Tia nombro mini-
ma estas facile varbebla, precipe en la lo-
j, kie jam ekzistas esp. movado. Ni do tre
peras, ke ĉiuj niaj Del. klopodos por kon-
rvi tiun titolon, kaj kiel eble plej multaj
bdel. penos por fariĝi Del., plenuminte la
regulan postulon. Se ĉiu en sia loko faras
n devon, ne tri milojn, sed dekon da miloj
membroj kalkulos U. E. A.

*Novaj Subdelegitoj.*

BATH (Anglujo). — S-ro E.-R. Blackett (9
all St.).
CLEVELAND (Ohio, Usono). — S-ro Kar-
wsky (11120 Superior Ave).
COVENTRY (Anglujo). — S-ro H. Wright (20
sborne R$^d$).
CROWLEY (Louisiana-Usono). — S-ino I.-G.
upt (1004 Ave. k.).
DRESDEN (German.). — S-ro F. Radeck (Kor-
rstr., 10). D.
HYÈRES (Var, Franc). — S-ro P.-J. Richard
des Palmiers).
HEDEMORA (Sved). — S-ro J. Lundgren.
KOSTROMA (Rus.). — F-ino A. Ŝarapov (b,
rjukov).
MELUN (Seine-et-Marne, Franc.) — S-ro A.
blanc (place St-Jean).
LFORD HAVEN (Anglujo).— S-ro J.-W. Croc-
r (Maryland).
PERUWELZ (Belg.). — S-ro Renaud Richez.
S$^t$-POURÇAIN-s/SIOULE (Allier, Franc.).— S-ro
inçot.
SENICZ (Hungar). — S-ro W. Serator.
TOURNUS (Saône-et-Loire, Franc.). — S-ro
mbert.
ZOPPOT (Prus. okcid.-German. — S-ro D-ro
app.

Entute 599 lokoj kun 233 del. kaj 420 subdel.

*Ŝanĝoj* : S-ro Ph. Keller, Del. en *Aachen*
ĝas nun : 2 Bahnhofstr. — *Bern* : S-ro Stet-
r (16 Bundesgasse) estas nun Del., anstataŭ
o Schmid, nun Vicdel. — S-ro *A. Tuke*
iestman, Del. en *Bradford*, loĝas nun : 7
elburg Drive. — Pro forveturo la Del. de
*eslau*, S-ro Spahn, eksiĝas ; la Vicdel. lin
ovizore anstataŭos. — S-ro Tarnow, Del. en
*innover* loĝas nun : Paulstr. 9. — S-ro F. Cha-
ay estas elektita Vicdel. en *Moulins*. — S-ro
onet estas elektita Vicdel. en *Nuits*. — S-ino
-C. Dibbe estas elektita Vicdel. en *Savannah*.
La Subdel. de *Portland* estas nun S-ro W.-
Perkins (19 Tremont St.).

### Fako : FINANCOJ

*onata Raporto : Etato de la Financoj je la 1$^a$ de Aprilo 1909*

| | | Enspezoj | Elspezoj |
|---|---|---|---|
| Fako Administrado.. | S : | 166,40 | 18,37 |
| Subfako Varbado.... | | 2,60 | 0,48 |
| Subfako Ekspedado.. | | | 14,06 |
| Fako Financoj....... | | 41,62 | 8,92 |
| Fako Esperanto-Oficejoj..... | | 19,62 | 84,25 |
| Subfako Reklamado.. | | 0,75 | 2,02 |
| Fako Turismo....... | | 4,88 | 6,52 |
| Sumo....... | | 235,87 | 134,62 |
| En kaso la 1$^a$ de marto. | | 272,47 | |
| En kaso la 1$^a$ de aprilo. | | | 373,72 |
| Bilanco..... | | 508,34 | 508,34 |

*a enspezoj, dum monato marto, superis la*
*aŭviditajn enspezojn je S 50,63.*
l la S 373,72 kiun ni havas en kaso,
182.66 estas en la bone konata banko *Crédit*
*onnais*. La cetera monsumo estas en la kasoj
la diversaj Fakoj por la ĉiutagaj elspezoj.

La Financa Fakestro,
Th. ROUSSEAU.

### Fako III$^a$ : KONSULOJ

*Novaj Konsuloj.*

I (ĝeneralaj informoj, turismo), K (komerco),
s (virinoj), J (junuloj).
*Bedford* : Snape I. — *Nuits-Saint-Georges* :
urtot I; S-ino Monnin V ; Monnin K ; Ba-
r J. — *Portland* : W.-E. Perkins K ; D-ro
Fellows I ; S-ino E.-B. Carr. V ; H. Harris
— *Hannover* : P. Tarnow. I. — *Douai* : Al-
ic Humez. I. — *Moulins* : S-ro Tohenot.

*Rajtigaj Kartoj.*

a rajtigaj kartoj de niaj diversfakaj kon-
oj estas nun en presado kaj estos baldaŭ
sendataj. Tiuj kartoj utilos al la konsuloj en
okazo, se ili bezonas fari klopodojn pri
E. A. ; ili ankaŭ povos el ili esti precize in-
natâj pri siaj oficaj devoj.

### Fako V$^a$ : TURISMO

*Vojaĝoj al la kongreso.*

La komitatano de tiu fako jam sin okupis pri la organizo de la vojaĝoj al la kongresurbo, pri kiuj jam zorgis U. E. A. en la pasinta jaro. Ni penos ricevi rabatojn por ĉiuj vojaĝontoj, ope aŭ izole, kiel por la Kembriĝa kongreso ; por ĉiuj personoj, kiuj deziras vojaĝi kune, ni difinos komunajn horojn kaj aranĝos karavanojn. Ni jam povas diri, ke la kongresanoj ricevos rabaton da 50 % en la francaj fervojoj kaj ankaŭ ŝatindan rabaton ĉe la hispanaj fervojoj. U. E. A. ankaŭ klopodos, laŭ la deziroj esprimitaj, organizi markaravanon de Marseille ĝis Barcelono, se la nombro de la veturontoj estas sufiĉa. Niaj legantoj trovos de nun ĉiujn necesajn informojn pri tio en niaj venontaj noj.

Aliparte nia prezidanto projektas organizi, sub la aŭspicioj de U. E. A., grandan markaravanon antaŭ la kongreso. Niaj legantoj trovos detalojn pri ĝi en la rubriko « Esperantia Parolejo ».

### Fako VI$^a$ : KOMERCO & INDUSTRIO

*Esperantiaj entreprenoj.* (1$^a$ listo).

Internationale Mono-Gesellschaft, Munĥeno.

Internacia Pedagogia Revuo, red. Th. Cejka. Bystrice-Hostyn.

Svisa Espero. Genève.

Instituto por la instruado de Esperanto, dir. Ed. Privat.

Esperanto-Verlag Mœller & Borel, Berlin.

Günther Wagner (inkofabrikejo, Wien & Hannover).

H. Bahlsen's Cakes-Fabrik (Hannover).

Moreau-Voillot (vinfirmo-Beaune).

Presejo Devichi (presejo de U. E. A. Chalon-sur-Saône).

Hotel de Clermont, (40, rue Larochefoucault, Paris).

Grand Hotel d'Angleterre (Patras, Grekujo).

Hotel de Menton et du Palais Royal (Vichy).

« Lingvo Internacia », gazeto, 33, rue Lacepède, Paris ;

Firmo J.-B. Rivot, vinoj el Burgonjo, Pommard ;

Ĉekbanko Esperantista, Merton Abbey, London ;

Internacia Propagancejo Esperantista, Merton Abbey, Lonçon ;

Societo de la malnovaj brandoj de Béziers (S-ro Fize) ;

Apotekejo des Cèlestins (S-ro Perisse, Vichy) ;

Esperanto-Domo (F-ino Richardet, Morges) ;

Turismagentego J. et H. Lincvay (Edinburgh ;

Firmo Matheson, M$^e$ Laren & C$^o$, tefirmo (Edinburgh).

Entute 26 Esperantiaj Entreprenoj.

## MONDONACADO POR U. E. A.

| | |
|---|---|
| Antaŭaj listoj ....... | S 381,36 |
| S-ro *Artz*, Bad Godesberg..... | 10 » |
| » *Cazeaux*, Bordeaux...... | 40 » |
| *Esperantista Grupo de Magdeburg.* | 24 » |
| S-ro de Coninck, Le Havre..... | 1,20 |
| » Pischor, Neamt......... | 0,40 |
| » Schwaiger, Konigsberg.... | 1,03 |
| » Fisher, Paris.......... | 0,14 |
| » Warden, Edinburg...... | 1,53 |
| » Vogler, Hamburg...... | 3,02 |
| » *Biver*, Mozambiko...... | 10 » |
| F-ino Stoll, Neufchatel....... | 0,44 |
| » Dupasquier, Neufchâtel... | 0,84 |
| S-ro Jadeau, Mercurey...... | 0,72 |
| » Tessner, Dresden...... | 0,60 |
| » Arnold, Horn......... | 1,60 |
| » Lebeder, Ĥarbin....... | 0,63 |
| » *Ŝepe*, Kiew......... | 10 » |
| » Wicart. Lille........ | 2 » |
| » Krestanof, Sofia....... | 2 » |
| | S 491,51 |

N.-B. — La dikaj literoj montras la bonfarintajn membrojn.

Niaj plej koraj dankaj al la donacintoj.

## Esperantiaj Informoj

**Bruselo** (Belg.). — Dum Pentekosto, ĉiuj belgaj reprezentantoj de U. E. A. kunvenos en Le Huy. Tiu kunveno, iniciatita de nia fervora samasociano Abato Richardson, celas interdiskutadon pri praktikaj rimedoj por akceli la disvastiĝon de U. E. A. en Belgujo kaj konatiĝon de niaj reprezentantoj. Ni esperas, ke multenombraj estos la partoprenontoj. Tiaj kunvenoj estas tute imitindaj.

***. S-ro Richardson publikigis en « Le Patriote » bonegan artikolon pri U. E. A., post kiu li ricevis grandan nombron de informpetoj el komercistoj pri nia Asocio.

**Dresdeno** (German.). — S-ro Radeck, nova Del. de U. E. A., faris ĉe la kunveno de grupo « Verda Stelo » paroladon pri U. E. A., post kiu tuj aliĝis nian asocion 45 personoj. Jen imitinda ekzemplo. Ni ne dubas, ke de nun U. E. A. rapide enradikiĝos en la kongresurbo; S-ro Radeck intencas energie labori tie por nia afero ni gratulas lin pro lia fervora agado.

**Douai** (Franc.).— La urbestraro de tiu urbo, helpata de Aera Nacia Ligo, organizas, por la venonta somero, gravan konkurson pri aerveturado, kiu certe sukcesos. La premioj disdonotaj superas 16,000 S. Tiu konkurso, en kiu la plej famaj aerveturistoj promesis partopreni, okazos de 28. Junio ĝis 18. Julio ; la ĉiujaraj urboj festoj okazos samtempe la 11, 12, 13, 14, Julio. La samideanoj, kiujn tiu okazontaĵo interesas, bonvolu sin turni al la Del., S-ro Alberic Humez.

**Dublin** (Irlando). — U. E. A. ĉi tie ankaŭ ekdisvastiĝas ; nia Del. jam varbis pli ol 20 membroj, dank'al la praktika celo de nia asocio.

**Edinburgh** (Skotl.). — Dank'al la diligentaj klopodoj de nia Del. en Leith, du gravaj tieaj firmoj aliĝis al U. E. A., kiel Esp-iaj entreprenoj. Ili estas la unuaj Skotaj Esp-iaj entreprenoj ; ni esperu, ke ilin sekvos multaj aliaj.

**Le Mans** (Franc.). — De la 26, Majo ĝis 14, Junio okazos granda konkurso per fajrarmiloj, pafiloj, revolveroj, k. a. Premioj disdonotaj 70,000 S. Esperantianoj venu, ĉiuj samideanoj akceptos ilin koreĝe.

**London** (Angl.). — Dank'al la klopodoj de unu el niaj Del., S-ro Kaliski, U. E. A. jam varbis ŝatindan nombron de amikoj. La « Imperial International Exhibition » promesis doni 16-32 paĝojn Esp. en sia oficiala gvidlibro. Ni rememorigas, ke la oficejo de U. E. A. estas ĉe la oficejo de B. E. A., kiu ĉiamaniere helpas nian Del. En la ĉefaj kvartaloj de Londono ekzistas nun Subdel., tiel ke oni povas diri, ke ĉiu trapasanto trovos utilon el U. E. A. en la urbego.

**Seattle** (Usono). — La Del. atentigas nin pri la granda « Alaska-Yukon-Pacific Ekspozicio », kiu okazos en tiu urbo la proksiman someron. Speciala fako por Esp. estos aranĝata.

**Solothurn** (Svis). — Ĉe la kunveno de la Svisaj Esp-istoj, S-ro Hodler sukcese paroladis pri U. E. A., speciale pri la turismaj kaj komercaj demandoj, kiuj speciale interesas la regionojn de Svisujo, tiel multe vizitatajn de fremduloj.

**Varsovio** (Rus.). — Dum somero okazos en Ĉenstoĥova kongreso de Polaj Esp-istoj kaj ĉe kiu granda ekspozicio estos aranĝata ; ĉe ĝi speciala fako estos dediĉata al U. E. A.

## ESPERANTIA PAROLEJO

### Pri Esperantista Loterio

Pri tiu demando ni ricevis kelkajn leterojn ; la aŭtoroj de la pligranda parto forte kontraŭstaras al tia propono, ĉu ĉar en kelkaj landoj loterio estas ne permesata, ĉu ĉar la rezultatoj de ĝi estus tre dubaj, ĉu fine ĉar kelkaj konsideras, ke la institucio de loterio estas nemorala kaj ne uzinda. Ni do konsideras, ke pro tiuj diversaj kaŭzoj ne konvenas plue pripardi tiun ideon. Ni dankas ĉiujn personojn, kiuj bonvolis esprimi sian opinion pri tiu demando.

U. E. A.

### Ni estu precizaj !

Ni tre petas ĉiujn samideanojn, kiuj raportas pri U. E. A., en tia aŭ alia okazo, ke ili bonvolu ĉiam esti precizaj. Oni unue citu ĝuste la nomon de U. E. A., kiu estas Universala Esperanto-Asocio (nek Esperanta, nek Esperantista, kio tute ne estas sama) ; due oni ne konfuzu delegitojn kun konsuloj aŭ reciproke : *Delegito* estas la reprezentanto de U, E. A. en ĉiu regiono, *Vicdelegito* estas anstataŭanto de la Delegito, *Subdelegito* diferencas de la Delegito nur per tio, ke li ne havas almenaŭ 20 membrojn en sia regiono kaj ne havas voĉdonrajton, fine *Esperantia Entrepreno* estas firmo, societo, gazeto, korporacio, k. c. kiu aliĝas al U. E. A. por uzi speciale al ili difinitajn servojn kaj *Esperantiano* estas membro de U. E. A.

### Al S-ro D-ro M. Kandt

Kara kolego,

Tralegante vian laŭdindan artikolon en la *Esperanto* (n° de la 5$^a$ de Aprilo) mi vidas ke vi pritraktas pri la internaciaj sendoj de mono kaj vi diras ke por faciligi tiujn pagojn kaj monsendojn de lando al lia ni *klopodos trovi oportunan rimedon ;* mi tuj devas diri al vi ke tiu oportuna rimedo jam estas trovita.

Vi scias ke nia bonega financestro S-ro Rousseau malfermis specialan kalkulon por ĉiu Delegito ; ĉiu el ni havas do krediton kaj debiton en tiu kalkulo, tiam se mi deziras sendi al vi ian sumeton por ia pago mi nur bezonas — sendante mian monatan enkasigon — aldoni al tiu sendo la ŝulditan sumon petante la financan fakestron kreditigi vian kalkulon pro tiu pago.

Sendube tiu agmaniero kaŭzos al nia laborema kasisto multe da laboro, sed mi tro bone konas la senlacan bonvolon de nia eminenta kunlaboranto kaj mi estas certa ke li ĝoje akceptos.

Aliloke mi devas konfesi ke mi jam uzis tiun rimedon kaj eble ĝi estis tute simpla kaj taŭga ĉar ĝi naskis neniun observon.

En tiu afero kiel en multaj aliaj U. E. A. pruvas la pravecon de sia organizacio.

A. CARLES.

### Kiel alveturi Barcelonon ?

Jen la demando, kiu sin prezentas je tiu ĉi sezono de l' jaro al ĉiu fervora Esperantisto, kaj multaj estas la vojoj, kiujn oni povas elekti. Sed ne estas dubeble ke por tiuj, kiuj deziras plenan ripozon for de la maltrankvila mondo — kie ne venas ĵurnaloj au telegramoj por malkontentigi la spiriton — por tiuj la maro prezentas la idealan rimedon.

La mondfama ŝipkompanio Peninsulara & Orienta proponas al ni sian faman ŝipegon *Vectis*, kondiĉe ke mi garantiu antaŭ Majo 19 enspezon da 10,000 S.

Laŭ la nuna propramo oni forlasos Londonon vespere Vendredon Aŭguston 27, haltos du horojn Sabaton Aŭg. 28 (inter 2-4) ĉe Cherbourg por kolekti kontinentajn kunvojaĝantojn. Lisabonon ni atingos matenfrue Aŭg. 31 kaj haltos ĝis la vespero. Alvenante ĉe Gibraltaro la sekvantan vesperon, ni tie haltos ĝis la sekvanta tagmezo kaj tiam forvojaĝos Tanĝeron por trihora vizito.

Alĝero nin akceptos matene Sept. 4 kaj tie ni restos unu tagon, kaj fine trovos nin en Barcelono post marvojaĝo da 2082 mejloj, je la vespero de Septembro 6$^a$.

La kosto de la vojaĝo kaj la naŭ-ĝis dek-taga loĝado, manĝado ktp sur la lukŝa ŝipo dependas de la situacio de la elektita kajuto, kiuj enhavas po du personoj, kaj estos inter 10 kaj 25 funtoj (S 100-250) de Londono aŭ 10 S malpli de Cherbourg. Ĉiuj vojaĝantoj estas de la unua klaso. La kosto de la veturetoj kiujn oni eble deziros fari en la vizitataj urboj ne estas enhavataj. Pri la revenovojo, tiu dependas de la deziroj de la vojaĝantoj, kaj povus esti aŭ fervoje tra Francujo, au ŝipe (por Britoj') de Bordeaux.

Mi jam ricevis kontentigajn aliĝojn de Britaj samideanoj, sed por ke la vojaĝo plene prosperu de propaganda vidpunkto, estas dezirinde ke kiel eble plej multe da kontinentaj samideanoj aliĝu.

Rapide respondu do al via sincera kunlaboranto.

H. BOLINGBROKE MUDIE, prez. U. E. A.
(77, Kensington Gardens Sq. London).

### Grava propono de Prof. Wilh Forster.

En sia letero tiu ĉi fama scienculo (vidu *Germ. Esp.-isto*) parolas pri la konfuzigaj kutimoj en elparolado de nombroj. « Ekzistas certe neniu nacia lingvo, kiu rilate al la elparolo de nombroj estas tute konsekvenca kaj racia »... (ekzemple la elparolmaniero de 14,875 kie la germanoj ordinare komencas legi la duan ciferon, poste venas la unua, poste la tria, poste la kvina kaj fine la kvara). Simila malracia maniero de elparolado de nombroj ekzistas same en ĉiuj aliaj naturaj lingvoj kaj tio nun, kun la grandega kresko de kalkulaj kaj prinombraj laboroj en internacia negoco kaj tekniko, fariĝas pli kaj pli netolerebla kaj kontraŭracia ; precipe nun kun la multaj perfektaj kalkuliloj, nome ĉe laboroj per kalkultabeloj kaj maŝinoj, la plej granda amaso de eraroj devenas de tiu kontraŭorda kaj neregula elparolo de l' nombroj, kiu ne akordiĝas kun la ciferordo de l' nombrosignoj. Tial Prof. Wilh Forster opinias, ke « la nombrovortoj kaj la kalkulado prezentas kampon de nacilingvaj aferoj, en kiu oni verŝajne renkontos plej malmulte da rezistado kontraŭ la enkonduko de internacia komuneco, tiom pli ke tio ne malhelpos la paralelan uzadon de la ĝisnunaj metodoj ». Li finas la leteron per jena grava propono : « Esperanto akiros al si grandan meriton sur la ĉefa kampo de la mondlingva movado, nome en la teknika kaj scienca terminologio, kiam ĝiaj eminentuloj kaj institucioj kunlaboros, por ke la enkonduko de la esperantaj nombrovortoj en ĉiujn lernejojn fariĝu celado de ĝenerala kaj konsekvenca agado ». Fine la mondfama Prof. Wilh Foerster aldonas : « Mi estas preta kunhelpi science por tio ».

Citinte la leteron de Prof. Wilh Forster, nia estimata kunfrato « *Franca Esperantisto* » aldonas : La esperantaj nombrovortoj estas perfektaj, oni nur bezonas ilin adopti. Kiam ĉiu scios la nombradon de Esperanto, oni baldaŭ uzos ĝin praktike por komerco kaj tekniko pli volonte ol la nacian nombradon, tiel oni evitos la tiel oftajn nunajn erarojn. Estas klare, ke se la deziro de Prof. Forster efektiviĝus, granda paŝo estus farita por la vastigado de Esperanto. Oni unue akceptos la nombradon, oni fine akceptos la lingvon. Cetere la momento ŝajnas bonege elektita. La lasta internacia kongreso de matematikistoj en Romo (en Aŭgusto 1908) decidis organizi vastan internacian enketon pri la instruado de matematiko en ĉiuj landoj. La nomita por tiu celo komitato konsistas el S-ro Prof. F. Klein de la Universitato en Gottingen, Prof. Sir George Grenhill F. R. S. London, Prof. H. Fehr de la Universitato en Genève. Tiu ĉi komitato enhavas naciajn delegitojn komisiitajn kunigi la dokumentojn de l' enketo en siaj landoj. La francaj delegitoj estas : S-roj P. Appell, C.-A. Laisant kaj Carlo Bourlet.

Ĉu tio ne estas taŭga okazo por sukcesigi la projekton de Prof. Foerster ? S-ro Prof. Fehr, sekretario de la Komitato estas Esperantisto se ne en la praktiko, almenaŭ en la koro. La tri francaj delegitoj estas anoj de la Protektanta Komitato de « Franca Esperantisto ». Se en ĉiuj landoj la Esperantistoj turnos sin al siaj delegitoj por ke ili adoptu aŭ proponu la iniciaton de Prof. Foerster, la sukceso estos certa.

Siavice ni povas aldoni, ke la propono de Prof. Wilh Foerster estas tre grava kaj meritas la plej grandan atenton de niaj samideanoj. Kiu povas helpi ĝian efektivigadon, ne prokrastu tion.

D-ro J. OSTROVSKI.

**Ni informas ĉiujn personojn, kies abono finiĝis kaj kiuj ne informis nin pri sia intenco ne reaboni, ke ni enkasigos la abonmonon per la poŝto, aldonante la poŝtelspezojn. Ni kore petas, ke oni bonvolu favore akcepti la diritajn poŝtrepagojn kaj daŭrigi al ni sian necesegan apogon.**

**ESPERANTO.**

## 6$^a$ LISTO de ESPERANTIANOJ

*Kiuj pagis por 1909$^a$*

LIVERPOOL (42.721). — D. : *F-no Margaret L. Jones.* — 1. F-no M.-L. Jones ; 4. F-no M.-G. Holdeng ; 5. A. Hay ; F-no H.-H. Jones ; 6. G.-D. Lewis ; 7. G.-H. Lyon ; R. Graham ; 14. R.-R.-G. Ghisholm ; P.-L. Roberto ; 11. F-no F. Broughton ; 27. Ch. Hollis ; 28. R. Carter ; 29. F-no M. Deane ; 30. F-ro M.-M. Hay ; 31. F-ino H.-A. Masterton ; 31$^a$. K.-K. Elliot ; 32. J.-G. Baxter ; 33. T.-N. Latham ; 34. R.-E.-F. Foulger ; 35. C.-J. Youds ; 36. E.-L. Challener ; 37. H. Swift........ *Sumo : 22.*

RADEBEUL (Kotzschenbroda) (43.211.2). — D. : *H. Mangeldorf.* — E. Bauer ; A. Koppe ; R. Rost ; C. Kraŭse ; D-ro O. Tappe ; S-ino A. Klein ; F-inoj : C. Helmbach ; A. Dieber ; M. Dieber (Entute : 31)........ *Sumo : 9.*

PRAHA (43.71.III). — D. : *J. Hradil.* — 37. Stepanek ; 38. Nepevny ; 39. G. Kratachvil ; 40. J. Hofman ; 41. J. Hlavaĉek ; 42. J. Hladik ; 43. H. Svoboda ; 44. J. Vlach ; 45. S. Nop. ........ *Sumo : 9.*

KARLIN (43.71.III). — SD. : *F. Stepanek.* — 1. J. Pick ; 2. H. Wurzinger ; 3. Krĉmar ; 4. J. Polacek........ *Sumo : 4.*

GERA (43.28.1). — SD. : *E. Ulitzsch.* — 1. Ulitzsch ; 2. A. Hezel ; 3. F. Neumeister ; 4. F. F. Schmidt........ *Sumo : 4.*

LISIEUX (44.22.1). — SD. : *A. Bellanger.* — J. Conillard ; S-ino M. Ménard... *Sumo : 2.*

BAR-SUR-AUBE (44.33.13). — SD. : *A. Valck.* — 1. C. Philippe ; 2. Ch. Tessez ; 3. L.-O. Simon........ *Sumo : 3.*

LOUHANS (44.434) — D. : J. *Maublanc.* — J. Maublanc ; 1. E. Crison ; 2. F. Reynier ; 8. H. Perlaut ; 9. H. Lanier ; 10. A. Jaillet ; 11. F-ino D. Pelletier ; 12. F-ino J. Donguy ; 13. S-ino Gauthier ; 14. S-ino Bernardon-Bretin ; 15. F-ino Oudard-Bretin ; 16. F-no Joffre ; 44.434, 1. Boitard ; 44.434, 2. A. Maitre. *Sumo : 14.*

ROTTERDAM (492.612). — D. : *Wit.* — 20. F-ino J.-C. Freepe ; 21. D.-V. Embden ; 22. W.-H. Baayens ; 23. H. Rovdhinpsens ; 26. L. Brenskz ; 24. W. Grotepas ; 25. A.-G. Stoon. ........ *Sumo : 7.*

MOSKVO (47.31). — D. : *S. Szabuniewiez.* — 81. S-ino H. Ribakov ; 82. S-ino E. Landiŝev ; 83. N. Korzlinskij ; 84. N. Ĥoĥlov ; 11. V. Mencel ; 13. K. Ŝidlovskij ; 16. A. Stupin ; 17. S-ino O. Gabrik ; 19. G. Tupicin ; 41. P. Puzyna ; 85. V. Tuturin ; 86. S-no F. Muszynski ; 87. S. Tolstoj ; 88. J. Kamolikov ; 89. J. Sokolov ; 90. V. Viŝnjakov ; 91. M. Kuznecov ; 92. F-ino M. Sokolov ; 93. P. Pozmanskij ; 94. P. Sibrin ; 95. A. Juĥnjeviĉ ; 96. T. Ŝtejn ; 97. M. Demidowicz ; 98. G. Laŝin ; 99. J. Kuprianov ; 100. J. Davidjuk ; 101. P. Buĉinskij ; 103. K. Kozakeviĉ ; 104. J. Bulanov ; 105. S-ino K. Bohuniewicz ; 106. S-ino M. Ragan ; 107. S-no Z. Gorelov ; 108. M. Seminsky ; 109. J. Gorelov ; 110. V. Andrijevskij ; 111. J. Lobanov ; 112. S. Kopezynski ; 113. J. Stolarzewski ; 114. F-ino A. Sobolev ; 115. N. Sobolev ; 116. J. Serebrennikov ; 117. L. Domogatskij ; 118. D. Milajev ; 119. A. Ŝilov ; 120. T. Verkolado ; 121. K. Ukrainskij........ *Sumo : 46.*

KIEV (47.41.3). — D. : K. *Ŝepe.* — 1. F-ino H. Orlova ; 2. S. Jasieniecki ; 3. T. Minjko ; 4. W. Erdmann ; 5. G. Agurov ; 6. I. Brzezicki ; 7. A. Roĥanski ; 8. R. Dobranski ; 9. L. Goldenberg ; 10. S. Stefanoviĉ ; 11. O. Weihe ; 12. M. Svjeĵavskij ; 13. A. Denisov ; 14. L. Vialbut ; 15. D. Sliva ; 16. F. Struve ; 17. E. Füller ; 18. A. Korjagin ; 19. V. Barbulant ; 20. N. Sliva. ........ *Sumo : 20.*

MINNEAPOLIS (77.61). — SD. : *Chas. A. Blaker.* — Blaker ; 1. Briggs.... *Sumo : 2.*

AMIENS (44.261). — D. : *G. Queste.* — 25. A. Charlet ; 26. S-ino A. Fafet ; 27. G. Landragin ; 28. P. Dumont ; 29. A. Roussel ; 30. A. Bourache ; 31. — C. Adam ; 32. S. Ducrocq ; 33. M. Quertant........ *Sumo : 9.*

POIX (44.261,2). — SD. : *Bouvier.* — L. Bouvier ; 1. R. Boquet ; 2. Fonteneau ; 3. P. Hourdeau........ *Sumo : 4.*

TAILLETTE-ROCROI (44.31). — SD. : *J. Héripret.* — 1. J. Héripret ; 2. A. Guérin. ........ *Sumo : 2.*

CHATEAU-THIERRY (44.34). — D. : *L. Borson.* — L. Borson........ *Sumo : 1.*

PARIS (44.361). — D. : *G. Warnier.* — 1. G. Warnier ; 2. F-ino L. Warnier ; 21. E. Houbart ; 22. H. Marchois ; 23. H. Lebourgeois ; 24. L. Saroul ; 25. L. Ghapeyrou..... *Sumo : 7.*

VILLEMOMBLE (44.361.1). — D. : *R. Dulaurens.* — 1. R. Unteruemetz ; 2. J. Dulaurens ; 3. H. Schaeffer ; 4. G. Quéméner ; 5. M. Lassuère ; 6. F-ino M. Beillet ; 7. M. Bonessé ; 8. M. Delabeauve ; 9. G. Hackspill ; 10. M. Vidal ; 11. M. Lazard ; 12. J. Temporal ; 13. P. Lévy ; 14. G. Chavet ; 15. L. Rochemont ; 16. M. Temporal ; 17. F-ino L. Cense ; 18. H. Lebouc ; 19. M. Réjaud ; 20. F-ino J. Planté ; 21. R. Jamet ; 22. G. Maréchal ; 23. G. Guillet ; 24. C. Godchaux ; 25. S-ino Lemaire ; 26. C. Yvon ; 27. L. L. Quilbry ; 28. R. Dulaurens.... *Sumo : 28.*

CORBEIL (44.362). — SD. : *Paillard.* — 1. J.-M. Picard ; 2. F. Guérin ; 3. E. Godillot ; 4. F-ino M. Oautier ; 5. F-ino G. Charles ; 6. A.-A. Beraud ; A. Paillard........ *Sumo : 7.*

NANCY (44.381). — D. : *H. Maresquelle.* — J. André ; J. Daum ; Ettinger ; G. Frécot ; S-ino Guillaume ; H. Guttan ; Horiot ; Lambert ; H. Maresquelle ; Navel : M. Niéger ; Noël ; F-ino Perrin ; Roy ; S-ino L. Sencert-Daum ; F-ino C. Simette ; Thomas ; Villaume.... *Sumo : 18.*

S$^t$-MIHIEL (44.381,2). — SD. : *Lévy.* — 4. R. Ponget ; 2. M. Lévy........ *Sumo : 2.*

REMIREMONT (44.39). — D. : *E. Villemain.* — E. Villemain ; 1. V. Balandier ; 2. Paul Viard ; 3. H. Poussier ; 4. J. Parisot ; 5. J. Jarrot ; 6. F-ino A. Villemain ; 7. F-ino M. Tocquard ; 8. F-ino S. Meyer ; 9. F-ino M. Lec ; 10. F-ino J. Georgeot ; 11. L. Hilfiger ; 12. H. Cuvelier ; 13. L. Gruel ; 14. P. Villemain. ........ *Sumo : 15.*

DIJON (44.42.2). — D. : *G. Héluin.* — 1. G. Héluin ; 2. G.-Th. Rousseau ; 3. A. Malye ; 4. F-ino A. Prudent ; 5. S-ino Blanc ; 6. E. Boirac........ *Sumo : 6.*

NUITS-S^t-GEORGES (44.42.4). — D. : *J. Moron*. — J. Moron ; C. Monnet ; H. Monnin ; S-ino H. Monnin ; F-ino G. Monnin ; J. Gey ; E. Badier ; L. Cazet ; J.-B. Richard ; C. Moron ; Gigandet ; F. Besancenot ; S-ino Loffre ; E. Courtot ; Tainturier ; P. Morot ; Ratouillat ; F-no J. Poulin ; F-no M. Moron ; F-ino B. Desplantes........................ *Sumo* : 20

MONTCEAU-LES-MINES (44.43.6). — D. : *Beaujard*.— Beaujard.............. *Sumo* : *1*.

MACON (44.437). — D. : *A. Martin*. — A. Martin ; Collot ; Prunot ; S-ino Meunier ; Péchand ; S-ino Laurencin ; S-iro Bussière ; F-ino Perrin ; Beury ; Malord ; Micheron ; Rasset ; Larochette.................. *Sumo* : *13*

BLOIS (44.53). — D. : *Caron*.— Caron ; S-ino Caron ; Pereira ; Bousely.......... *Sumo* : *4*.

TOURS (44.54). — D. : *Grodvolle*. — 5. S-ino Z. Guivy ; 6. J. Brisard ; 7. L. Giraud ; 8. A. Rebouilleau ; 9. R. Contensin ; 10. G. Ferrand ; 11. R. Badert ; 12. Madon............ *Sumo* : *8*.

MOULINS (44.57). — D. : *Génermont*. — 1. Génermont ; 8. Magaud ; 10. Lejeune ; 11. Boussac.................. *Sumo* : *4*.

VICHY (44.57.2). — D. : *A. Clerc*. — A. Clerc ; S-ino Clerc ; H. Poinçot.. *Sumo* : *3*.

LYON (44.58.2). — D. : *Jabeuf*. — 18. E. Lauze ; 19. F-ino S. Ambrossini ; 20. F-ino M. Verrier ; 21. Sandelyon ; 22. Desvignes ; 23. Louis Ducieux ; 24. Jacquemin ; 25. Bissuel ; 26. Paillet ; 27. S-ino Genêt ; 28. J. Blanchon ; 29. J. Clonpet ; 30. P. Fayard ; 31. P. Perrin ; 32. J. Rouveyrol.................. *Sumo* : *15*.

MARCILLOLES (44.99.1). — SD. : *Champelay*. — Champelay.............. *Sumo* : *1*.

VIENNE (44.99.3). — SD. : *P. Huline*. — Broussolle ; H. Bouzon ; S-ino Blachier ; A. Moussier.................. *Sumo* : *4*.

| | |
|---|---|
| Antaŭaj listoj . . . . . | 1.292 |
| Sumo de la 6^a listo. . . . | 314 |
| | 1.606 |

## Esperantiaj Entreprenoj

### ĈEKBANKO ESPERANTISTA

**Ĝia utilo.**

Internacie la pago de malgrandaj sumoj estas ankoraŭ tre malfacila kaj malhelpita pro la neekzisto de bona kaj praktika internacia poŝta arango.

Oni ne devas juĝi la internacian arangon laŭ sia propra nacia mandata sistemo.

Germanoj, ekzemple, ne devas konjekti, ke la mono sendita per poŝtmandato estas liverata ekster lande en la domon de la adresito per la leterportisto, same kiel en Germanujo.

Se franco sendas mandaton de unu franko al anglo, li ne kredu ke tiu ĉi ricevos precize tiun ĉi sumeton.

La oficiala poŝta monkurso estas tiom malfavora, ke anstataŭ unu franko la poŝto elpagas en angla mono nur 9 pencojn (= 94 1/2 centimoj), kaj tiun kapitaleton la adresito nur povas ricevi kun granda malfacileco kaj post multaj maloportunajoj, se li ne posedas konton ĉe unu el la ĉefbankoj de Londono.

Estas necese, ne nur iri persone al ia poŝtoficejo difinita en la mandato, ofte tre malproksima, sed eĉ doni la nomon de la sendinto, antaŭ ol oni elpagas la monon.

En Germanujo, Svisujo, Aŭstrujo, Italujo, Belgujo, k. t. p. oni povas skribi komunikaĵojn destinatajn por la adresito sur la mandaton mem.

Esperantistoj ofte kredas, ke tiuj ĉi originalaj mandatoj kun la komunikaĵoj estas transdonataj al la adresito.

Tio en granda Britujo kaj ĝiaj kolonioj kaj multaj aliaj landoj ne okazas.

La brita poŝto elfaras tute novan mandaton citantan nur la sumon, ne la nomon de la sendinto, kaj same faras multaj aliaj landoj.

Pro tio ĉe la Internacia Propagandejo Esperantista preskaŭ ĉiutage alvenas tiaj mandatoj sen aparta letera komunikajo kaj oni nenion povas fari kun ili krom pacience atendi kelkajn semajnojn, ĝis kiam la sendinto mem donas signon de vivo kaj plendas pri malatento aŭ furiozas pri ia urĝa mendo ne ĝustatempe plenumita.

En kelkaj landoj, ekzemple en Hispanujo poŝta mandato ne ekzistas kaj tial, se hispana esperantisto volas aboni ian ekzterlandan gazeton, li tute ne povas pagi la monon, se la eldonista firmo rifuzas akcepti hispanajn poŝtmarkojn.

La Internacia Propagandejo Esperantista, eble pli ol ia alia komerca firmo en la mondo, eksentas la maloportunajojn de la internacia monelŝanĝo, ĉar ĝi havas rilaton kun esperantistoj en ĉiuj partoj de la mondo, kaj la sumoj, kiujn ĝi ricevas, estas preskaŭ ĉiam malgrandaj.

La esperantistoj bezonas unuforman internacian prezaron. Neniu firmo eksentas la bezonecon pli akre ol la Internacia Propagandejo Esperantista, ĉar mendoj alvenas el ĉiuj partoj de la mondo; mi komence uzis en la prezaro la frankon de la latina monunuiĝo, sed nun la prezoj estas montrataj en spesmiloj.

Pro tio estis jam de longe necese, akcepti plenvalore poŝtmarkojn el ĉiuj landoj.

Aliaj librovendistoj kaj eldonistoj devas sperti la saman malhelpajon kaj, rifuzante akcepton de markoj plenvalore, ili ofte malebligos la eksterlandajn mendojn.

Estas ankaŭ tre maloportune, teni prezaron en la mono de la diversaj nacioj kalkulitan.

Ĉiujn tiajn maloportunaĵojn povas forigi la Ĉekbanko Esperantista, sed por ĝia sukceso kaj utilo estas necese, ke ĉiuj vendistoj kaj eldonistoj de esperantaĵoj publikigu, ke ili plenvalore akceptas la ĉekojn kaj ke, kiel eble plej multaj esperantistoj havu ĉekkonton ĉe la banko ; ĉar la enkonduko kaj ĝeneralа akcepto de internacia monunuo la plej facile, efike kaj rapide fariĝos per la Esperantistoj kaj per helpo de ia centra banko.

La ĉekbanko ne estas komerca entrepreno celanta mongajnon, sed propaganda eksperimento, kiu, se ĝi sukcesos, estas al la dispono de ia centra institucio formata aŭ elektata dum Internacia Esperantista Kongreso, por ke ĝi alprenu ĝian administradon aŭ por formi akcian societon.

La regularo de la ĉekbanko estas ricevebla de la Internacia Propagandejo Esperantista aŭ de la banko mem, aŭbaŭ en Merton Abbey, London, S. W.

La ĉekbanko Esperantista estas Esperantia Entrepreno.

E. Ĉefeĉ.

# ANONCETOJ

### TARIFO

Korespondado. — *Unu enskribiĝo* $ 0.30 *(fr. 0,75). Rabato da 25 o/o por 6 enpresoj, kaj 50 o/o por 12 enpresoj*. — PI = *poŝtkartoj ilustritaj* ; L = *leteroj* ; PM = *poŝtmarkoj. Niaj abonantoj rajtas unu senpagan enpreson*.

Petoj & proponoj ; Komercaj reklamoj. — *Unu linio (40 literoj)* $ *0,10 (fr. 0,25). Rabato da 25 o/o por 6 enpresoj kaj 50 o/o por 12 enpresoj. Niaj abonantoj rajtas unu trilinian anonceton*.

NOTO. — Ĉia anonceto estos sendata antaŭ la 5^a kaj 20^a de ĉiu monato, al nia Administrejo, al la lokaj Agentoj aŭ Esperanto-Oficejoj. Pago per poŝtmandato aŭ internaciaj poŝkuponoj.

#### Korespondado

Ĉenstoĥova (Piotrkovska gub., Rus.). — E. Vojnovski, Dojazd ul. 17, PI, PM.

Praha I (Bohem.). — S-no A. Streda, « Aliance »^a dez. koresp. kun geĝunuloj.

Gorlitz (Germ.). — Komercisto F. Mally, Fischmarktstr. I, PI. (kun marko sur la bildflanko).

Aspeitia (Gulpuzcoa, Hisp.). — S-ro Arcipreste de Azpeitia, kun nefrancoj.

San Sebastian (Hisp.). — S-ro M. Alvarez, str. Narrika 10 ; S-ro L. Cerezo, str. Inigo 1 ; S-ro N. Merino, str. Idiakaz 5 ; S-ro B. Gomez, Redakcio de Korreo Guipuzcoa. *Ĉiuj* : PK. *kun nefrancoj*.

Slatiny (Bohem, Aŭstrio). — S-ino O. Ptačnikova, Post Miličeves bei Jičin, PI.

Vilno (Rusujo). — S-ro K. Nievenglovski Zauled Bialy 8 l. 15 P^l, L.

Boston (Lancashire, Anglujo). — S-ro A.-R. Horsley, 24, Rock Avenue, Halliwell. PI.

Moskvo (Rusujo). — S-ro V. Sudakeviĉ, Povarkaja Borisoglebovskij per., dom Sumarokava KV 15, PI.

Prague-Zizkov 809-7 (Bohem, Aust.). — S-ro François Navotnij Longue de Premyel 7, PI, PM.

Prague-Zizkov (Bohem., Austr.). — S-ro François Jankovsky studento, rue de Kapeliz, 421 (n. 12) PI, PM.

Bilbao (Hisp.). — A. Rodriquez str. Volantin 9-3 PI, PM. — A. Serrano str.

Kutna-Hora (Bohem., Aust.). — S-ro A. Fialka, C. K. realka L. (kun francoj).

Cleveland (Ohio Usano). — S-ro Emil Karpowsky 11120. Superior ave L. PI ; S-ro H.-S. Hall 2414 Gorman ave L. PI. ; S-ro E.-D. Rosc 9514 Preston ave PI. ; F-ino Emilie Hoffman 7114 Car negie ave PI.-L.

Ĝenevo (Svisl.). — S-ino N. Sosnovsky, B^d Pont d'Arve, n. 7 *bis*, chez M. D. Weill, PI. (kopioj de pentraĵoj.)

Paris (Francujo). — Emile Yousset, Maison Duflos, 10, rue Belleville, PI.

Fourquevaux (Francujo 4. g.) — S-ro Eessyre PI, L. (kolektas aforismojn).

Paris (Francujo). — S-ro Bert, 12, rue Liancourt, PI. L.

Amiens (Franc.). — S-ro G. Landgrain, 18, rue Latour, deziras korespondadi France, esperante, angle kaj germane per PI.

Dijon (Franc.). — S-ro J. Blagny, soldato 27^d Inf., 4^e Comp^e PI (kun nefranc.).

Helmstedt (German). — S-ro Resch Franz, Germany Sudertor, 3, PI.

Brno (Austr.). — S-ro V. Odlozilik, Josefov 38|111 (kun neŭrop.) PI, PM.

Leurouvill (France). — S-ro L^{to} F. Blaugarin, 154^e Inf. Regim., deziras ricevi oficialajn poŝtkartojn diverslandajn. Respondas per oficialaj kaj PI, (PI, PM).

Soden ^a/Taunus (Germ.). — S-ro Adolf L. Stahl, vikario L. (kun Norvegujo).

Milwaukee (Wis. Usono). — F-ino K. H. Griswold, 332, Tarwell Ave PI. F-ino Caroline Doll, 387, 18 th st. PI.

Hilversum (Holland.).— S-ro F. von Romer, Loosdr. wegbo, korespondas kun gesamid. en landoj, kie konfidebla persono povas trovi oficon.

#### Petoj kaj Proponoj

**Por stereopano** (konkava reliefiga speguło). — S-ro *E.-V. Radvan-Ripinski*, Rusujo, Peterburgo, S tr. Serpuhovskaja 31, loĝ 6, interŝanĝas kun gesam. de la tuta mondo *nur belartajn*, kotorigitajn poŝtk. kun mallonga manskriba esper. klarigo sur la marĝeno ; speciale deziratai bildoj : pejzaĝoj kaj pentraĵkopioj.

**Gvidlibroj**. — La Esp.-Of. en Bourg interŝanĝus kun aliaj Esp.-Of., aŭ grupoj sian esper. 13 paĝan gvidlibron « La departemento Ain », eldonitan kun la helpo de la Iniciata Sindikato de l'Ain.

**S-ro E. Becker**, Advokato-konsilanto, 3, r. Grétry, Parizo, Jez. konatiĝi kun esp. konsilantoj por ciuj landoj por interŝanĝi procesajn aferojn. enkasigojn. procesojn, k. t. p.

**Korespondado**.— S-ro Frederiko Koranda, Zizkova str. 7. Praha-Karlin (Bohem. Aŭstrio) dez. interŝangi urbvidajojn el ĉiuj landoj ; ĉiam landoj ; ĉiam tuj respondos.

**Bohemaj rilatoj** Kulturaj, socialaj. Kiun interesus, skribu je adreso S-ro Fanta Skrivanek studento juristo, Ĉaslav, Bohemujo. Artikoloj reciprokaj, event. por la preso. Kun belaj fraŭlinoj mi interŝanĝas P. J. aŭ karakt. naciaj ilustraĵoj. Al la fremduloj, kiuj volus viziti boheman Nürnberh-Nutna Hora, valente inf. kaj akomp.

**Poŝtmarkoj**. — Kontraŭ 100 alialandaj aŭ koloniaj poŝtmarkoj, mi sendas 200 frankajn poŝtmarkojn. Ĉiam respondas S-ro O. Bouteilly, Seavigny (Franc. L. et C.)

**Riprezentado**. — Sinjoro inteligenta & diligenta dez. riprezenti bonan alilandan firmon. Adreso : « Verda Stelo », 56, Clarendon Rd, C. on M., Manchester, Anglujo.

**Procesoj & enkasigoj**. — S-ro Emile Becker, Advokato-Konsilanto, Rajtigito ĉe la Komerca Tribunalo ; 3, rue Grétry, Paris. Riprezentado por juĝaj aferoj. Studo de procesoj Enkasigoj en Francujo & ĉiuj landoj.

**Korespondado**. — Benito Vallespinosa. Aragon 235, 3^o 2^a Barcelona. — Korespondado prefere kun sportulo aŭ sportulino.

**Ofico**. — Du junuloj, 18 & 19 jaraj, laborantaj en ludilfirmo, serĉas ian oficon en Hispan-German-aŭ Anglujo-Skribu al S-ro G. Aguiré, 45, R. St-Honoré, Paris.

**Antaŭ ol akiri domojn, dometojn, kampardomojn kaj ĉiuspecajn bienojn en Italujo, skribu al samideano *Luigi Scarselli*, via dell' Agnolo 48, Firenze (Italia). Li akceptas ankaŭ *riprezentadon* de ĉiaj komercaĵoj,**

#### Komercaj reklamoj

Ilust. **Poŝtkartoj** de Ĝenevo, kun esp. surpresajo ; & malsamaj bildoj. Prezo de 12 : $ 0,48 (fr. 1,20) afranke. Nur poŝtmandatoj akceptataj. E. Bouvier, ruo Maraîchers, 55, Plainp. Genève (Svisujo).

**Ekspeda firmo**. — Firmo Krook & Person, en Lübeck (fondita 1876). Ekspedoj precipe al Dan-, Norveg-, Sved-, Rusujo & Finlando.

**La Ĉapelpingloj por sinjorinoj esperantistaj**, tiom sukcesis dum la kvara estas aĉeteblaj ĉe S-ro E. Gabert, rue Claude-Delaron, 10, St-Etienne, Loire (Franc.). Prezo : Franc : 0,60 $ (1,50 fr.) ; alilande : 0,66 $ (fr. 1,65) afrankite. Specialaj prezoj por la vendo pogrande. Oni pagu poŝtmandate.

**Riprezentado**. — S-ro Delorme, 154. Fg. St-Martin, Paris, farmaciisto-ĥemisto deziras reprezenti seriozan firmon.

**Legendo** de l'paroĥestro de Bulsano. France et Belglando lekz. — 0,20 fr., 10 — 1,60 fr. Aliaj landoj nur per poŝtmandato. Mendu ĉe S-ro J. Héripé, Taliete-Rocroi (Franc.).

**Kolosan sukceson** havas niaj esper. poŝtkartaj 10 ekz $ 0,40, 100 $ 3,60. Sin turni al S-ro Voldemar Yankjeviĉ, S-D de U. E. A., Ostrog, Volinsk. Gub. Russie.

**La Internacian Esperantistan Poŝkalendaron por 1909** ĉiu Esperantisto devas posedi. Ricevebla afrankite kontraŭ 3 respondkuponoj aŭ 30 Sd. sendotaj al « Esperanto-Oficejo de Amikejo », *Moresnet*. Mendu ankaŭ « *La Barketo* » belega kanto kun f. piano, kiu kostas afrankite 65 Sd. Liveras ĉiajn Esperantaĵojn

**Lernejo por Franca & Esperanta lingvo**. — En Morges, (Francllingva Svis.) apud la mondfama Ĝeneva Lago, belega vidaĵo ; trankvila restadejo. Esperanto-Oficejo & societo en la urbo. Favoraj kondiĉoj. Speciale rekomendata, hejma vivado. Por ĉiuj informoj, oni sin turnu al la adreso : Esperanto-domo, Morges, aŭ al Esp-Ofic. de U. E. A., S-ro Jayet (Morges).

**Esperanto-Hotelo**. — Ĉambroj tre ko[...] taj. malaltaj prezoj. S-ro A. Leclerc, [...] La Rochefoucauld, Paris (Apud stacidom[...] Lazare).

**Riprezentado**. — Londona Agento, [...] oficejon, dez. riprez. alilandan firmon [...] kohol.). Bonaj referencoj. — « The B[...] Agency », 87, Finsbury Pavement, L[...] E. C.

**Belaj kravatoj verdstelumitaj**, el [...] por sinjoroj, kvin malsimilaj modeloj [...] 0,50 ĝis 0,80 $.

**Esperantaj rubandoj**, N^o 70, el bl[...] atlaso kun verdaj steloj, por skarpoj, krav[...] kaj ĉapeloj de sam-inoj ; la metro : 0,[...]

**Esperantaj flagetoj**, bonegaj propag[...] loj, dekdu : 1,2 $ — petu la ĝeneralan ka[...] gor.

Ĉe S-ro B. PEYRAUD, vic.-del. U. E. [...] *41, rue de la Loire*
**Saint-Etienne (Francujo)**

## ELDONAJOJ DE U. E. A

**rekomendataj al ĉiuj Esperantis[...]**

**Oficiala Jarlibro de U. E. A.** (Dua eld[...] 3^e serio). — Tiu libreto enhavas la Regul[...] de U. E. A., plenajn kaj detalajn informoj[...] la organizo kaj funkciado de ĝiaj serv[...] maniero ilin uzi, k. c., instrukciojn al la [...] Subdel., konsuloj & membroj, la plenan [...] reviditan nomaron de la Del., Subdel. kaj [...] Oficejoj de U. E. A., nomaron de la Esp[...] tiaj entreprenoj (societoj, firmoj, hoteloj, k[...] k. t. p. Ĉiu Esperantiano nepre devas ĝi[...] sedi — 94 paĝoj : Prezo : $ 0,25.

**Universala Esperanto-Asocio, Ĝia c[...] ĝia organizo ; ĝia praktikaj servoj [...] signifo**. — Tiu propaganda broŝureto trez[...] montras la utilecon de nia asocio kaj ĝiaj[...] nunajn servojn. Rekomendata al ĉiuj prop[...] pagandistoj. — Prezo : 11 ekz. : — 50 ek[...]

**Oficiala Leterpapero**. — 100 folioj : $ [...]

**Oficialaj Kovertoj**. — 100 ekzemple[...] $ 0,40.

**Oficialaj Poŝtkartoj**. — 100 ekzemple[...] $ 0,70.

**Oficiala Insigno**. — Stelo verda kun bl[...] rando kaj literoj U. E. A. ; rekomendat[...] ĉiuj Esp. ianoj, precipe vojaĝantaj. Broĉ[...] pinglo. 1 ekz. : $ 0,30.

### En preparado :

Gvidfolioj de U. E. A. (Informoj pri [...] institucioj, vidindajoj, lokaj kutimoj, a[...] de hoteloj, firmoj, k. a.). Oni povas ric[...] jam presitan gvidfolion de *Bordeaux* ku[...] pago da 4 Sd.

### En naciaj lingvoj :

**L'Associazione Esperantista Unive[...]** (Scopo, organizzazione, pratici servizi, [...] cato, consigli, all'interessati). Propaganda [...] ŝuro pri U. E. A. en Itala lingvo. Pr[...] 10 ekz. : $ 0,16.

**Die Universala Esperanto-Asocio** [...] Ziel, ihre organization, ihr praktisches [...] ken und ihre Bedeutung). Propaganda br[...] pri U. E. A. en germana lingvo. Prezo : 10 e[...] $ 0,16.

La sama broŝuro estas preparata por lin[...] *franca, hispana*.

Ĉiujn eldonaĵojn de U. E. A. oni mend[...] **Esperantio**, 8, rue Bovy-Lysberg, Ĝ[...] (Svisujo). Simplaj membroj ĉiam kunsend[...] monon ; nur por Del. & Subdel. estas ma[...] mita speciala konto.

*Administranto* : L. Roye[...]
*Presejo* X. Devicні.

# Esperanto-Movado

La 9-14 aŭgusto en Chautauqua, (Staat New-York) la nacia Kongreso de Nord-Amerikaj Permesu al mi, karaj legantoj, komenci mian kutiman raporton pri « Esperanto-Movado » per jenaj belaj vortoj, esprimitaj en la letero de korespondanto de nia jurnalo, S-ro Ed. Mac Clellan el Manilo (Filipina insularo).

« Ni certigas niajn eksterlandajn samideanojn, ke iliaj ĉiteaj fratoj en Esperanto kore kaj anime partoprenas en ĉiuj iliaj penoj kaj klopodoj por la efektivigo de tiu ĉi belega celo universala akcepto de internacia lingvoscio kapabla suprenlevi la homaron al komuna nivelo de morala kaj intelekta egaleco. Nia komuna ideo de Esperanto estas tre amata en tiu ĉi malproksimega angulo de l' mondo, kaj mi permesas al mi sciigi ilin, ke se ili vizitus nian Insularon, ili trovas en la kono de Esperanto grandvaloran ŝlosilon, kiu malfermos al ili multajn fermitajn pordojn. »

Jes, karaj legantoj, estas feliĉa sento scii, ke ĉie, proksime kun vi kaj ankaŭ plej malproksime trans la maroj kaj oceanoj samtempe laboras miloj da homoj, inspiritaj per la sama grava kaj nobla celo. Kaj kien ajn la sorto ian trafigus nin, ni ĉie, eĉ en plej malproksimaj partoj de terglobo, ne restos tute fremdaj, ĉar ni ĉie havas amikojn, kiuj ĝojos nin vidi, interparoli en nia lingvo, kiu servos por ni, kiel ŝlosilo malfermonta multajn fermitajn pordojn.

Mi estas certa, ke tiel same, kiel S-ro Ed. Mac Clellan, sentas ankaŭ ĉiuj veraj Esperantistoj de iu ajn lando. Mi povas tion kuraĝe jesigi, ĉar mi persone spertis tion dum miaj vojaĝoj en multaj fremdaj landoj. Ni do laboru kuraĝe kaj vigle por nia ideo, nia laborado jam nun estas rekompencata per tiu multvalora sento, ke ni ne estas solaj, ĉar ĉie en la mondo ni havas kunbatalantojn, ĉar ĉiutage kreskas niaj fortoj.

S-ro Ed. Mac Clellan skribas, ke la ekzistado de Esperanto en la Filipina Insularo ŝuldas al la senlacaj laboroj de estimata D-ro W. H. Jeamand jam bone konata de Eŭropaj Esperantistoj. Li estas prezidanto de centra Asocio Esp. en la ĉefurbo Manilo. Tiu Asocio estas tre forta organizo kun pli ol 675 anoj kaj ĝia ĉefa organo estas la Filipina Esperantista. Krom tio estas tie organizita en la ĉefa strato tre komforta klubo « Esperanto-Abelujo », kies anoj estas devigataj paroladi nur Esperante (limitinda ekzemplo). La kotizaĵo en tiu ĉi klubo kostas kvin spesmilojn ĉiumonate. La klubo havas ĉiujn ĉefajn jurnalojn el ĉiuj landoj. Ĉiumonate estas festenoj Esperantistaj. Estas ankaŭ kelkaj provincaj Grupoj. Oni aranĝas ofte en Manila kaj en la provincoj propagandajn kunvenojn kaj publikajn paroladojn kaj la publiko tre elmontras grandan intereson al Esperanto. Oni disdonas multajn lernolibrojn kaj aranĝas kursojn. Unu el plej aktivaj kaj lertaj Esperantistoj estas la tre merita konsulo S-ro Ignacio Arnalot. La ĝenerala gazeto de Filipina Insularo (en angla, kispana kaj loka Tanaloga lingvoj) estas tre favora al Esp. Aŭstralio. La Esperanta Klubo en Melburne progresadas, la nombro de geanoj pli multiĝas ĉiumonate. En Adelaide la fervora Esperantisto S-ro C. A. Uhrlanb sukcese gvidis kursojn kaj nun oni fondis Grupon. En Invercargill (Nov-Zelando) la grupanoj fariĝis Oficejon de U. E. A. La estro de unuaĝeaj kursoj instruis la gelernantojn, kiuj poste sukcesis fari la Esperantan ekzamenon de B. E. A. kaj ricevis diplomojn. En la jurnalo « The Aŭstralian Esperantist » S-ro H. Gadsden interalie skribas : « Esperanto mallernas al mi, Aŭstraliano, kiu ne scias iun lingvon, krom Angla, novan mondon en korespondado kun alilandanoj, kies leteroj estas ĉiam bonkoraj kaj plenaj je intereso. » En Sidney estas organizita Sekcio Esperantista de Societo Teozofista. En Nord-Amerikaj Ŝtatoj kaj ankaŭ en Kanado Esperanto tre sukcesas. Aliĝas centoj da novaj adeptoj el ĉiuj societaj rangoj. Niaj Usonaj samideanoj ellaboris novajn statutojn, nomitajn La Konstitucio de la Esp. Asocio de Norda Ameriko, kiu enhavas tri komitatojn : K. por Propagando, K. por Publikigado kaj K. por Statistiko kaj Ekzamenoj. Alian fojon ni detale priparolas la movadon en Usono. En Meksiko la propagando estas vigla ; du jurnaloj « Esperanta Meksiko » kaj « Esperanta Gazeto ». Societoj : en Guadalajara, Mérida, Meksiko, Morelia, Puebla kaj Teziutelan ; grupoj : en Parral, Tuxpan kaj Veracruz ; izolaj Esperantistoj en ĉiuj urboj. Baldaŭ estas aranĝotaj societoj aŭ grupoj en multaj novaj lokoj de respubliko. En Bolivio ekzistas Bolivianа Esperantista Societo pri kiu oni bedaŭrinde neniam aŭdas ion. En Brazilio, kie la Esp. Kongreso de Braziliaj Esp. en Januaro 1909 estis tre sukcesa la movado iras tre bone en S. Paŭlo, Sacramento, Bahia, Rio de Janeiro, Therezopolis, Petropolis, k. a. Dum la Kongreso la Ŝtata kaj urba registaro ankaŭ la gazetaro estis tre favoraj. La ministro de l'Industrio kaj Publikaj Laboroj permesis, ke la oficiala korespondado ĉe telegramoj de l' kongreso estu senpaga. En la kunsidoj ĉeestis riprezentantoj de l' Ministroj de Industrio, Financoj, Militaj Aferoj kaj de la sekretario de l'Internaj Aferoj de l'Ŝtato. La Ministro D-ro Miguel Calmon kaj Direktoro de l' Ĝenerala Oficejo de Statistiko enkondukis Esp. vice kun Portugala kaj Franca lingvo en statistikan verkon pri Brazilio. La Brazilia Klubo, kiu aranĝis elmontron de Esperanto en la Nacia Ekspozicio 1908, ricevis oran medalon de la Ekspozicia Komitato pro la merito de nia lingvo kaj ĝia progresado.

En Argentina respubliko oni lernas nian lingvon en kelkaj ŝtataj lernejoj de Buenos-Aires. En Ciio la gazetaro pritraktas la gravan decidon de l'Tuta Amerika Scienca Kongreso pri Esperanto.

La movado en Peruo estas koncentrita en la Societo Esp. Perua, kiu jam de 1903 havas sian regule aperantan jurnalon « Antaŭen Esperantistoj ». En Uruguay ekzistas du Esp. Societoj. En Venezuela la gazetaro favoras.

Afriko. — En Tananarive (Madagascar) la kapitano S-ro Fortin gvidis kvin kursojn ; en Khartum (Egypto) gvidas kurson S-ro M. Fakil, kaj en Durban (Natal) S-ro M. Jules aranĝis.

En Indo-Ĥinujo. — La Koĥinĥina Konsilantaro donis monhelpon de 200 piastroj al la Grupo en Saigon por helpi la propagandon de Esperanto.

Ĥinujo. — Multaj misiistoj tie ĉi estas entuziasmaj Esperantistoj. Unu el ili S-ro G. H. Hubbard en Ŝanĝai intencas eldonadi Esp. jurnalon. La Ĥina ambasadoro en Usono S-ro Udu-Ting-Fang tre favoras al Esperanto kaj komencis ĝin lerni. La Ĥinaj inteligentuloj loĝantaj nun en Parizo verŝajne tre baldaŭ eldonados Ĥinan jurnalon en Esperanto kun celo propagandi nian lingvon en ĉiuj lernejoj kaj helpi la penetron de sciencaj konoj de okcidentaj Ĥinaj lernejoj. Studento S-ro Hoc-Ton-Tze skribis al S-ro de Saussure, nia fervorega samideano petante lin kunlabori en la eldonota de li Ĥina jurnalo Esperantista.

Japanujo. — La tre bona jurnalo « Japana Esperantisto » de nun fariĝas internacia ilustrita revuo kiu celos ĉefe konigi la movadon en la Ekstrema Oriento, precipe pri Japanujo. Ĝi fariĝis ankaŭ la Oficiala Organo de Japana Esp. Asocio La dua Japana jurnalo « Samideano Ĉiumonata » ĝis nun litografia, nun estos presata kaj donos informojn kaj literaturaĵojn, koncernantajn Japanujon, Ĥinujon kaj Koreujon Insuloj de Fidji. — En la ŝtata lernejo la lernantoj tie lernas junaj Fidjianoj entuziasme lernas Esperantan lingvon.

Tie ĉi nis estas devigataj meti punkton kaj prokrasti la raporton pri la movado de nia afero en Eŭropaj landoj ĝis la venonta numero. Ni nur aldonos, ke antaŭ kelkaj semajnoj la Problindula Kongreso en Napolo aplaŭde aprobis la proponon de nia Belga samid[...] Frato Izidoro pri enkonduko de Esperan[...] la blindulejojn kaj ĝia uzado dum la est[...] kongresoj. Nia esti mata korespondanto de [...] A. Richardson skribas al ni, ke la 3^e d[...] Frato Izidoro estis akceptita de Lia Papo M[...] kiu esprimis al li la ĝojon pri la adopto d[...] bo de la kongreso enkonduki Esperanto[...] ĉiujn blindulejojn.

D-ro Ostrovski.

## U. E. A.

## ĈIUJ ESPERANTIANO[...]

nepre devas posedi :

**Oficiala insigno de U. E. A.** (bel[...] verda stelo kun blanka rando). Pre[...] $ 0,36.

**Oficiala Jarlibro de U. E. A.** (Li[...] de U. E. A. — Delegitoj, Vicdeleg[...] & Subdelegitoj). Prezo : $ 0,25.

**Oficiala Leterpapero de U. E.** (100 folioj = $ 0,70, afranke. — Por [...] *legitoj & Subdelegitoj*, kun speciala [...] tolo ; 100 folioj = $ 0,60.

**Oficialaj Kovertoj de U. E. A.** (1[...] kovertoj = $ 0,40.

**Oficialaj Poŝtkartoj de U. E.** (100 poŝtkartoj = $ 0,70).

*Oni mendu tiujn objektojn ĉe :*

**ESPERANTI[...]**
8, Rue Bovy-Lysberg, 8
**GENEVO (Svisujo)**

*Por simplaj membroj oni planumos nur la mend[...] kiuj estas akompanataj de la necesa mensumo.*

